V^a^ jaro. — N° 66 Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) 20 Novembro 1909

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro* : *HECTOR HODLER*

ABONO

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . . 1,60 ₷ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

**Redaktejo & Administrejo :** *10, rue de la Bourse,* **GENÈVE (Svisujo).**



## Dum la lasta duonmonato

La nombro de la membroj de U. E. A. nun superas 5.000.

Ĉe la ĵus okazinta vegetarana kongreso en Manchester, Esperanto kaj la Esperantismo sento havis grandan neatenditan sukceson.

Gravaj kunvenoj de la saksaj, bavaraj kaj svisaj esperantistoj okazis en Leipzig, Lübeck kaj Lausanne respektive.

90 Esperanto-Kursoj nun funkcias en Parizo.

## NECESAJ DEMANDOJ

Dum 1909 la membraro de U. E. A. atingis la *kvinan* milon. Tio estas multe, se oni memoras, ke nur antaŭ 18 monatoj estis fondita nia Asocio, malmulte kompare kun tio, kio povus esti, se en ĉiu loko ĉiuj niaj reprezentantoj agus kun egala energio kaj fervoro por varbi al nia afero kiel eble plej multe da membroj.

Armeo da kvin mil homoj disigitaj en 700 lokoj de pli ol 40 landoj, kunigitaj en la sola celo helpadi kaj servadi unu la alian, estas jam per si mem forto de nedubebla graveco, precipe se tiuj kvin mil homoj havas ne nur komunan organizon, sed ankoraŭ komunan idealon. Oni tamen ne forgesu, ke organizajo estas forta precipe per la materialaj realajoj, kiujn ĝi reprezentas, kaj la plej multajn el tiuj realajoj ĝi povas ekzistigi kaj konstantigi nur se ĝi posedas por tio sufiĉajn monrimedojn. Nu, oni facile kalkulos la kapitalon, kiun reprezentas kvin mil homoj pagantaj 24 sd., nome 1.200 spesmiloj, malgranda sumo proporcie kun la vasta administra laboro, kiun postulas la organizo de ĉiu serioza servo. Sendube, multaj el tiuj servoj estas kreeblaj sen grandaj elspezoj, sed eĉ reduktitaj al minimumo, ili ofte superas niajn modestajn monrimedojn, ĉar ĉiu nova entrepreno serioze organizita — kaj se ĝi ne estas serioze organizita, ĝi valoras nenion — necesigas konstantan administran kontrolon kaj sekve novan oficiston. Precipe nun, kiam la kotizajo de la Esp-iaj entreprenoj estis pligrandigita, ni havas la devon liveri al ĉiuj nur serioze kaj bone funkciantajn servojn. Aliparte, por diskonigi niajn servojn al la neesperantista publiko, speciale en komerca fako, ni plej ofte bezonas propagandilojn kaj klarigilojn en naciaj lingvoj kaj, pro la multeco de ĉi tiuj, ĝi estas elspezo, kiun ni ne povas permesi al ni. Ofte niaj amikoj sendas al ni projektojn pri novaj servoj tute realigindaj, sed malfacile realigeblaj pro la dirita kaŭzo. Praktike, ĉiu projekto, kiu ne estas akompanata per buĝeto aŭ estas bazata nur sur venontaj eventualaj profitoj, por ni prezentas nenian utilecon nuntempan.

Estas absolute necese, ke por pagi la elspezojn, kiujn kaŭzas la administrado de la diversaj Esperantiaj servoj, U. E. A. posedu sufiĉe gravajn kaj konstantajn monrimedojn. Ni starigis kiel kondukan principon, ke ĉiu servo devas pagi siajn elspezojn kaj, kvankam havanta ĝeneralan homaran utilecon, devas esti starigata sur komerca bazo. Sed ĉi tio, kiel en ĉiuj komerce direktataj entreprenoj, ne povas okazi tuj de l'komenco : oni komence bezonas fari elspezojn, kiuj estos repagataj nur kiam funkcios la dirita servo. El tio sekvas, kiel jam rimarkigis nia financa fakestro en Barcelono, la neceseco posedi sufiĉan rezervan kapitalon, kiu ebligos al ni fari tiujn komencajn elspezojn. « Tio devas esti la ĉefa okupo de la financa fako dum la venonta jaro ».

Kiuj do estas la diversaj rimedoj por plenumi tiujn postulojn ? Antaŭ ĉio, necesas, ke tiuj monrimedoj ĝenerale havu konstantecon kaj ne estu kaŭzo de novaj prizorgoj. Tio do forigas la enspezojn per pruntoj, kiuj ne estas sen danĝero, kvankam en ekstrema bezono aŭ en speĉialaj okazoj ili estas necesegaj, se ne estas alia rimedo, sed la plej bonaj enspezoj estas tiuj, kies fonto estas en la Asocio mem kaj reprezentas la rezultatojn de la laboro de ĝiaj reprezentantoj. Nur laŭ ĉi tiuj ni povas precize kalkuli kaj konkludi.

La plej urĝa tasko, la plej utila el tiu vidpunkto, estas la pligrandigo de nia membraro. Se ĉiu Delegito faras sian devon, en fino de 1910, U. E. A. povus posedi kvaroble pli da membroj ol nun, ĉar tia estas almenaŭ la nombro de la Esperantistoj, kiuj povus aliĝi al U. E. A. Niaj Delegitoj devas flanke lasi nenian okazon por varbi al nia Asocio novajn membrojn. Ĉiujare miloj da personoj ricevas instruadon pri Esperanto en la kursoj. Konigi nian Asocion al ili kaj instigi, ke ili ĝin aliĝu, estas unu el iliaj taskoj. La kotizajo estas malalta, ĝuste por tio, ke kiel eble plej multaj homoj povu partopreni en U. E. A. Oni eble asertos, ke ĉiuj tiuj aliĝontoj ne havos okazon uzi niajn servojn. Se tio estus absolute vera, ĝi nur pruvus, ke tiuj personoj lernis Esperanton nur por sin distri, ne por ĝin uzi, sed eĉ tiel nia Asocio povos iam utili al ili. Cetere en ĉiu socio estas tiel : ne ĉiuj membroj uzas *ĉiujn* servojn de ĝi, sed ĉiuj per sia monhelpo, kotizajo aŭ imposto, ne direkte partoprenas en ilia vivado kaj havas la eblecon iam ilin uzi laŭ sia bezono.

La statistikoj pri la membraro de U. E. A., kiuj aperas en tiu numero, montras kiun rezultaton ni ricevas kiam ĉiuj Delegitoj klopodas, kiel okazas nun en kelkaj urboj, feliĉe ĉiam pli multaj : se ĉiu Delegito varbus meznombre dudek membrojn — nombro facile superebla en multaj lokoj — ni fine de la jaro havus 15.000 membrojn. Tio estas realigebla sen eksterordinara penado.

En kelkaj lokoj, la alta cifero de niaj membroj estas ŝuldata al tiu fakto, ke la loka grupo, dezirante doni al nia Asocio plej grandan kunhelpon kaj havi kun ĝi oficialan ligilon, aliĝis kiel *Esperantia Asocio*, t. e. ĉiuj iliaj membroj estas samatempe Esperantianoj. Tio prezentas diversajn simpligojn el administra vidpunkto, precipe por la kotizajoj kaj alportas al ni ŝatindan helpon. Ni esperas, ke por 1910 multaj estos la grupoj, kiuj imitos la ekzemplon de Bromberg, Magdeburg, Paris-Nord, Abbeville, k. a. kaj fariĝos Esperantiaj Asocioj. En malmulte da tempo, dank al tio nia membraro rapide plivastiĝus.

Kelkaj grupoj eble ne povos aliĝi kiel Asocioj, kvankam ĉi tio estas plej facila. Ili tamen povas multe helpi al U. E. A. aliĝante kiel Esperantiaj entreprenoj. La kotizajo por ili restas 2 ₷ kaj voĉdonante tiun escepton por la institucioj havantaj Esperantistan karakteron, la Delegitoj klare esprimis sian deziron, ke ili aliĝu plej multenombraj. Por grupo sumo da 2 ₷ ne estas tre grava kaj por nia afero la aliĝo de du aŭ tri cent grupoj kiel entreprenoj estus granda helpo. Cetere, ekster tio, tiu aranĝo prezentas utilecon al la grupoj mem, kiuj rajtas uzi la servojn de U. E. A., ekzemple se ili eldonas gvidlibron aŭ-folion, kiel devas klopodi ĉiuj veraj grupoj, kaj aperi sur la Oficiala Jarlibro.

Oni prezentas al si, ke, ne parolante pri la entreprenoj — kiujn povas de nun varbi niaj Delegitoj ĉe neesperantistoj, — se nia Asocio kalkulus kelkajn milojn da membroj plie kaj du aŭ tri cent Asocioj kajn entreprenojn, el la almenaŭ 500 vivantaj grupoj Esperantistaj, ĝi havus antaŭ si gravetan monkapitalon, kiu permesus al ĝi pligrandigi sian kampon de ago, perfektigi siajn servojn kaj kun pli da favoraj ŝancoj sin turni al tiuj multe nombraj institucioj, kiuj bezonas ĝin, sed restas flanke, ĉar ili ĝin ignoras, kaj ĝin ignoras, ĉar ni ne havas ĉiujn ilojn por ilin atingi. Tiu revo estas facile enkorpigebla, se nur ĉiu helpos. Laŭ la pasinto, ni estas certaj, ke ne mankas tiu helpo.

Ĉar ni parolas pri materialaj, sed necesaj, aferoj, oni permesu al ni rimarketon : financa ordo estas ebla, nur se la praktika stato de la aferoj respondas al la teoria stato de la kalkuloj sur la libroj, pli proze, nur se la ŝuldantoj de nia Asocio, kiu malfermas konton el ĉiuj siaj reprezentantoj, ĝin elpagas regule kaj orde. Feliĉe, la plej multaj plenumas tiun devon kun imitinda akurateco kaj plene meritas, la konfidon, kiun faras U. E. A. per malfermo de kredito, sen antaŭa monprovizo. Aliaj pli malmultaj tion ne faras kaj devigas nin sendi avertilojn, elspezi monon por enkasigi monon kiun ili mem jam enkasigis... kaj negliĝas forsendi. Tial, por eviti tiujn faktojn, nia Asocio devis alpreni sankciojn, kiuj estos senpartie aplikataj por la bonordo de niaj aferoj ; tial ankaŭ, ni treege esperas, ke en ĉiu loko estos la necesa laŭ regula minimumo da membroj, dank al kiu la Delegito estas balotata de siaj samlokaj Esperantianoj, kio liveras al ni la necesajn garantiojn, sen kiuj neniu entrepreno praktika estas ebla.

Tiujn diversajn demandojn ni deziris ektuŝi en la momento kiam ĉie rekomenciĝis la agado de niaj reprezentantoj.

H. HODLER.

## SOCIA VIVO

### KOMERCO

**Francujo baldaŭ enkondukos poŝtajn ĉekojn.**
**Kiam ni havos la internaciajn ĉekojn ?**

La franca ministro de la poŝtoj deponis ĉe la Parlamento leĝoprojekton pri la kreo de servo de poŝtaj ĉekoj. La ŝatindeco de tiu sistemo estas videbla kompare kun la nuna sistemo : Se mi volas sendi 100 ₷ al S-ro X., mi devas nun aĉeti mandaton, ĝin enkovertigi kaj doni al la poŝto. Sama operacio inversa, se S-ro X. volas sendi al mi monon. Sed se S-ro X. posedos ĉe la poŝto ĉekokonton, sufiĉos ke mi iras al la poŝto, donu al la oficisto 100 ₷ kun mia nomo kaj la nomo de la adresato, kaj la 100 ₷ estos tuj kreditatoj al la konto de S-ro X., kiu ne bezonas iri al la oficejo ; mi mem ne bezonos speciale skribi al li pri tio. Dua okazo : se S-ro X. volas sendi al mi 100 ₷, li nur sendu al mi poŝto ĉekon, kiun mi repagigos ĉe la oficejo de la ĉekokonto. Se la konto estas malfermata en alia oficejo, la oficisto transdonas al ĝi mian ĉekon, kiun repagos mia poŝtisto. Fine, se S-ro X., kaj mi havas ĉekokonton, la afero estas reguligebla per simpla ĝiro.

Oni vidas la profitojn de tiu sistemo : reduktado de la mandatoj, kies pagado postulas komplikajn formalajojn kaj grandan oficistaron. Por la publiko : tempoŝparo, faciligoj de pagado. La loĝantoj de la komunumoj, kiuj ne posedas kreditinstituciojn, povos facile enkasigi siajn pagojn. La societoj, asocioj kaj komitatoj povos ricevi siajn kotizajojn ; la komercaj firmoj siajn fakturojn, la ĵurnaloj siajn abonojn.

Oni scias, ke la sistemo de poŝtaj ĉekoj jam liveras grandan utilon en Germanujo, Aŭstrio-Hungarujo, Svisujo ; en kelkaj el tiuj landoj oni uzas ĝin eĉ por la pagado de la impostoj. Oni nun intencas fari kontrakton inter tiuj kvar landoj por ke ĝiroj per poŝtoĉekoj estu eblaj inter ili. Por tiu celo Internacia Konferenco enhavanta la reprezentantojn de tiuj kvar nacioj, kunvenis en Berlino. Ni esperu, ke baldaŭ ekzistos internacia poŝtoĉeko. Ne la Esperantistoj plendos pri tio.

A. R.

## KONGRESOJ & FESTOJ

**Ĉe la vegetarana Kongreso en Manchester. — La sukceso de Esperanto. Kelkaj impresoj.**

La Internacia Vegetarana kongreso, kiu ĵus okazis en Manchester, (16-18 Oktobro) kaj kiun mi ĉeestis, — post peto de ĝia sekretario — kiel delegito de la I. U. E. V., daŭris tri tagojn kaj estis tre interesa de la vidpunktoj Esperantisma kaj Esperanta. Neniam antaŭe dum mia vivo mi vidis tiom da Esperantisma sento ekster niaj propraj Esperantistaj kongresoj, kaj nenian antaŭe mi ie trovis tian aprobon kaj inklinon al Esperanto en neesperantista kongreso. Tio rezultis videble de du kaŭzoj, unue, ke la vegetaristoj estas, ĝenerale, popolo kun tre altaj idealoj kaj sentoj ; kaj, due, estante mem reformistoj, ili kompreneble rigardas simpatie ĉiujn aliajn reformojn.

Ĉeestis fremduloj, (delegitoj-rajtigitoj) de Belgujo Danujo, Finlando, Germanujo, Holando, Svedujo kaj Hindujo, kaj reprezentantoj de Francujo, Hispanujo, kaj aliaj, krom la multaj naciaj delegitoj kaj simplaj ĉeestantaj partoprenantoj. Ĉiujn delegitojn oni gastigis dum kvar tagoj aŭ pli longe ĉe la domoj de afablegaj kongresurbanoj, kaj laŭdegaj estis ĉiam la dankvortoj de la fremduloj pri la ĝentileco kaj gastameco de la Angloj kaj precipe pri la Angla « Patrina » Vegetarana Unuiĝo.

Sabaton matene okazis la unua kunveno, en granda ĉambro de la vegetara restoracio, dum kiu ĉiuj delegitoj salutis la kongreson kaj raportis pri la speciala laboro de la lokaj unuiĝoj kaj la progreso de vegetarismo en la propraj landoj. Speciale interesaj estis la raportoj de S-no Lombard pri Svedujo kaj de D-roj Lybeik, Nyssens, kaj A. Meyross, pri Finlando, Belgujo kaj Holando. Mia propra raporto estis mallonga, ĉar nia Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Vegetaranoj ekzistis jam nur mallonge ; sed post kelkaj informoj, mi prenis la oportuntempon por kompari la du movadojn kaj montri la taŭgecon de Esperanto por tiaj internaciaj kongresoj. Mi diris i. a. ke homoj kiuj tiel multe kompatis la bestojn kaj havis tiajn altajn idealojn, nepre devas konsenti pri la frateco inter la homoj mem kaj ankaŭ utiligi nian lingvon por propagandi siajn ideojn inter aliaj altidealuloj. Mi ankaŭ anoncis al la ridetanta aŭskultantaro ke ĉiuj tri eminentuloj sur la estrado jam donis sian benon al Esperanto, ĉar Profesoro Mayor, la ĉiekonata latinisto, *parolis* jam en nia lingvo en Cambridge, D-ro Axon, literaturisto kaj lingvisto, nun *lernas* ĝin kaj Sinjoro Broadbent, la afablega kaj ĉie amata sekretario de la kongreso estis promesinta al mi ke li *lernos* ĝin. Dum mi parolis mi rimarkis ke la ĝenerala sento de la tuta kunveno estas favora, kaj, antaŭ la finiĝo de la kunveno, Profesoro Mayor kore aprobis mian parolon, klarigante al la aŭdantaro la treegan belecon de la Esperanta elparolado kaj komparante ĝin kun la angla lingvo laŭ diversaj vidpunktoj. D-ro Axon sekvis lin, parolante pri la facileco de nia lingvo, kaj konsilante ke oni lernu ĝin. Tiuj du paroloj estis tute neatenditaj favoroj.

Tiam sekvis gaja ĝenerala babilado kaj tagmanĝo ĉe la tabloj de la restoracio. Tie ni trovis ke multaj ĉeestantoj aŭ jam komencis aŭ volis komenci la studadon de Esperanto. Estis interese aŭdi de S-no Lombard ke ŝi estas unu el la malnovaj Esperantistoj de Stockholm, kvankam ŝi eksiĝis el la tiea grupo kiam ĝi sin ekokupis pri Ido ; kaj ankaŭ, de D-ro Nyssens, ke li, kiel Prezidanto de la Brusela Veg. Unuiĝo, (kiu aranĝos la internacian kongreson, 1910^an^) intencas posttagmeze proponi ke Esperanto estu unu el la oficialaj lingvoj de tiu kongreso, ĉar jam lia asocio rajtigis lin fari tion.

Posttagmeze ni aŭdis multon pri la granda nuna disvastiĝo de vegetarismo inter la studentoj, k. t. p., precipe en Germanujo, kie nun estas preskaŭ tri mil vegetaranoj aliĝintoj al la unuiĝoj, dum almenaŭ alia tri mil, proksimume, ne ankoraŭ estas anoj de iu ajn grupo aŭ asocio.

S-ro W. Mann, la sub-redaktoro de la « Brita Esperantisto », kiu, kiel delegito la Barcelona Vegetarana Grupo, jam matene faris sian raporton, nun faris bonan por-Esperantan paroladon, citante la utilojn de nia lingvo al vegetaranaj vojaĝantoj, k. t. p. kaj denove instigis la aŭskultantaron alpreni kaj lerni la internacian lingvon antaŭ ol kunveni en Bruselo proksiman jaron kiam, kredeble, okaze de la internacia Ekspozicio, ĉeestos multaj alilanduloj.

Li proponis *ke la nuna kongreso rekomendu ke ĉiuj vegetaranoj lernu Esperanton kaj ke la lingvo estu akceptita oficiale en la venonta kongreso.* Post subteno de D-ro Nyssens, kiu diris ke en la nomo de sia societo li jam intencis priparoli tiun proponon, ĉiu unuanime akceptis ĝin. D-ro Nyssens ankaŭ anoncis ke la Brusela kongreso diskutos multajn flankajn demandojn, Higieno, Ekonomio, Etiko, Alkoholismo, k. t. p.. ke ĝi kredeble okazos dum la pentekosta festo, kaj ke en la Internacia Ekspozicio mem estos bonega, kaj malkara veĝetarana restoracio. Ne nur, do, ni invitas ĉiujn legantojn ĉeesti la kongreson, sed ni esperas ke ĉiuj, kiuj vizitos la Ekspozicion provu almenaŭ unu manĝon ĉe nia restoracio, kiu, cetere, estos starigita kaj daŭrigita je pure etikaj kaj « justa-al ĉiu » principoj. Ĝuste kiel ni volis instigi la vegetaranojn al la alpreno de Esperanto kaj Esperantismo, tiel ni esperas instigi, iom post iom, la nunajn legantojn al vegetarismo — ĉar certe la du movadoj havas multajn komunajojn kaj oni renkontas ĉe ambaŭ la samajn aŭ tre similajn homojn.

Vespere sekvis « Social » aŭ amuza, amika kunveno, en Witworth Institute, belega kaj nova Art-Palaco, ĉe kiu ĉeestis kvar cent personoj, ĉiuj bonaj specimenoj de la saniga kaj gajiga efikoj de la vegetara vivado. Ni aŭskultis bonegajn muzikajojn, deklamojn kaj kantojn kaj oni ne povis ne admiri kaj laŭdegi la veran genian talenton kiu metis sin je nia dispono dum la vespero. Antaŭ la komenciĝo de la koncerto ni ĝuis bonegan manĝon kaj post la koncerto estis sufiĉe da tempo por amika babilado. Dimanĉe okazis du specialaj di servoj kaj unu amika akcepto, posttagmeze, de la delegitoj, ĉe la restoracio.

Lunde la gravaj kunsidoj okazis. Matene, estis kunveno dum kiu oni aŭskultis paroladojn aŭ legajojn de la diversaj eminentaj *kuracistaj* delegitoj de la kongreso. Notinda estis ĉiu, kaj tre rimarkindaj kaj rimarkitaj estis la alta tono kaj idealoj de ĉiu. Unu el la legajoj estis sendita de D-ro Selss, bonega artikolo pri la vegetara vivado, (kiun, strange, mi mem *jam estis leginta per la bona traduko Esperanta* de nia energia sekretario kaj konata samideano, S-ro R. de Ladevèze), kiu difinis la veran signifon de la nomo vegetara, — sana, fortika, vigla, — kiu tute ne limigis nin al manĝado simple de *legomoj*. D-ro Meyross parolis pri la etika kaj morala flanko de la vegetarismo, montrante ke oni devas propagandi ne nur pro sanigaj rezultoj sed pro altai motivoj kaj pro la moraleco mem. D-ro Nyssens parolis pri la scienca flanko de la movado kaj citis la fakton inter aliaj, ke D-ro Toteyko ĉe la Brusela Universitato pruvis per eksperimentoj ke vegetaristoj ĝenerale estas trifoje pli fortaj kaj pli kapablaj elporti ol la viandmanĝantoj.

Posttagmeze oni diskutis la kalkulojn kaj diversajn aranĝojn de la unuiĝo. S-ro Norwod, la premiito en la lasta konkurado pri la *cent*mejla marŝado, maljunulo *sesdek-ses-jara*. anoncis ke liaj multaj atletikaj sukcesoj estis ŝuldataj nur al vegetarismo. Vespere okazis granda festo en la restoracio kaj, poste, granda publika kunvenego, ĉe kiu parolis oratoro post oratoro, ĉiu plej elokventa, bonhumora kaj sprita. Ni aŭdis multegajn bonajn novajojn pri la progreso, kaŭzo, utilo kaj estonto de la movado. Unu juna Finnlandino dolĉe parolis pri la tempo kiam la mondo ne plu envahos mortigantojn kaj kiam la popoloj parolos nur unu lingvon, estante ĉiuj anoj de unu granda familio. Aŭskultante ŝin, — kaj ja ĉiujn aliajn, — oni povus kredi sin meze de Esperantistaj samideanoj, aŭdantoj de la nun bonekonataj kaj plej ŝatataj idealoj de ĉiuj sekvantoj de Esperantismo. Ĉirkaŭrigardante oni vidis centojn da feliĉaj, sanegaj ridetkapablaj vizaĝoj, — dum oni sentis la ĝojon esti inter tiom da altidealuloj ; kaj kiam la Svedina Delegito diris ke tiu unua internacia vegetarana kongreso estis la « neforgesebla » kongreso, pro la belaj sentoj kiuj trapenetris ĝin, mi, persone, ne povis ne meti ĝin en la saman loko de mia koro, kie ripozas la memoro de *nia* « neforgesebla » kongreso de Bulonjo. Fine, S-ro Edward Carpenter, mondkonata verkisto Angla, fermis la kunvenon, urĝante, — tute ne atendite — *ke ĉiuj vegetaranoj lernu Esperanton*, la simplan, facilan kaj utilan internacian lingvon. Tiamaniere Esperanto ŝajne ricevis antaŭenpuŝon ĉe tre fervora kaj samideanema anaro kaj kredeble la semoj plantitaj tiun nokton atingos ĉiun mondparton. Vi, Esperantistaj legantoj, faru vian reciprokan parton, kaj alprenu la vegetarismon, eĉ se nur por provi ĝin, kaj aliĝu al la simpatia vegetarana popolo. Poste vi lernos multon pri la bonaj profitoj de vegetarismo dum vi mem propagandos la profitojn de nia propra movado.

Oni povus paroli longe pri la boneco, simpatieco, kaj lerteco-kun-simpleco de la fremdaj delegitoj en Manchester. Notinde estis ke kvankam ĉiu parolis preskaŭ perfekte kaj tre muzike la malfacilan Anglan lingvon, ili tamen, ĉu jam lernis, ĉu tute aprobis Esperanton. Oni ankaŭ povus ankaŭ longe priskribi la simplajn manĝojn, kutimojn kaj vestajojn de la ĉeestantoj sed kredeble mi jam tro longe petis vian atenton. Sufiĉas, do, diri ke tiu kongreso estis vera lernejo, kie oni humiliĝis, kaj admiris kaj amis iujn el la plej ĝentilaj, saĝaj kaj altmotivaj homoj en la mondo. Vi iru proksiman jaron kaj lernu sammaniere.

Margaret L. Jones, (Delegito-Liverpool.)

## AERVETURADO

**Aerveturado en Polujo**
**Nova aeroplano**

Du inĝenieroj meĥanikistoj, fratoj Schindler el Krakow konstruis rimarkindan aeroplanon, al kiu kompetentuloj, antaŭdiras plenan sukceson. Ĝi apartenas al la sistemo de unuplataj aparatoj kaj per multaj, detaloj en sia strukturo tute diferencas de ĉiuj ĝis nun konataj similaj aviadiloj.

La aeroplano havas longecon da 12 metroj kaj preskaŭ sama estas la amplekso de la flugiloj ; ĝia skeleto estas konstruita el ŝtalaj tuboj, la surfacoj de la flugiloj estas faritaj el speciala gumtolo kaj por aliaj akcesorajoj la eltrovintoj uzis la eksterordinare malpezan metalon « magnaliumo »,

amalgamon, konsistantan el magno kaj aluminio.

La sidejo, tre oportune aranĝita kaj destinita por du personoj, troviĝas sub la flugiloj kaj ne super ili, kiel ĉe aliaj flugmaŝinoj; pro tio la direktado de la aparato estas konsiderinde plifaciligita. La rotacia motoro, kies forto varias inter 60-75 H-P, estas malvarmigata ne per akvo, sed per aero kaj estas lokita en la plej malalta pezopunkto; tiu-ĉi cirkonstanco permesas, atingi pli firman ekvilibron de la maŝino. Plue la platoj de la flugiloj ne estas firmaj, kiel ĉe aliaj aviadiloj, sed ili povas deklinigi per siaj ekstremajoj, kio ebligas subitajn turnojn en la aero. Ĉio estas tiel aranĝita, ke la aviadisto havas la ĉefan direktilon kaj la motoron antaŭ si kaj povas samtempe direkti la malantaŭan platon. La ruligilo, destinita por faciligi la komencan ekiron de la aparato estas provizita per du aerpumpiloj, kiuj kombine kun la akso kaj la radoj garantias, al la aeroplana plenan sendanĝerecon dum la alteriĝo. La unuaj flugprovoj okazos en decembro sur « Blonie », tre vasta eksterurba herbejo, apartenanta al Krakow.

Leon Rosenstocq (Krakow).

### La unua Aerveturado Semajno en Anglujo

Ĵus okazis de la 15a ĝis la 23a de Oktobro, super la fama ĉevalkurejo apud Doncaster, la unua aerveturada semajno angla. Malgraŭ la kutima ŝanĝemeco de la angla klimato kaj la malfrua sezono de la jaro, la kunveno sufiĉe bone sukcesis, — escepte se oni rigardas ĝin de la financa vidpunkto. Ĉeestis la diversaj specoj da aviadiloj, la unuplana, la duplana, kaj la granda kaj potenca aviadilo de S-ro Cody, apud kiu la aliaj ŝajnis preskaŭ kiel ludiloj.

S-roj C. Cody, Delagrange, Le Blon, Molon kaj Sommer faris kelkajn pli-malpli longedaŭrajn flugojn; la ŝercemuloj nomis la ilojn de la aliaj aviadontoj « Herboplanoj » pro ilia vigleco kuradi sur la herbo kaj ilia neveneebla decido ne forlasi la teron. Al S-ro Cody apartenas la honoro esti la unua fluginto ĉe angla aviadkunveno, kvankam tiu unua flugo estis nur mallonga kaj, tro rapide revenante al la tero, la aeroplano multe difektiĝis; la rebonigo okupis kelkajn tagojn kaj se oni ne estis daŭriginta la kunvenadon en la sekvantan semajnon, ĝis la 26a de Oktobro, Cody ne povus flugi plu. Antaŭ lia alveno al Donaster, S-ro Cody neniam vidis iun alian aviadanton kaj lia granda biplano entute estas lia propra elpensaĵo; certe estas ke, post kiam li venkas siajn malfacilaĵojn rilate al la motoro, lia aeroplano bone sukcesos.

Plej interesplena kvaronhoro okazis lundon posttagmeze la antaŭlastan tagon. Subite aŭdiĝas granda r-r-r-r-r-bruo kaj tuj poste oni vidas la grandan aeroplanon de S-ro Cody rapidantan laŭ la kurejo, post 100-300 metra kurado ĝi malrapide kaj majeste suprenleviĝas en la aeron ĝis alteco de 30-40 futoj kaj antaŭeniranta tiel malŝancele kvazaŭ ĝi iris sur relvojo ĝi ĉirkaŭflugas la ĉevalkurejon; ne longe post la komenco de la dua ĉirkaŭiro, flanka ekblovo malsupren kaj maldekstren irigas la aeroplanon, ĝi alteriĝas ekster la kurejo ĝuste antaŭ larĝa ileksaro, sed, tre lerte, Sro Cody releviĝas sufiĉe alten por ne tuŝi la kreskaĵojn kaj, atinginte la malproksiman flankon de la ileksoj li ree alteriĝas kaj haltigas sian maŝinon. Tuj poste S-ro Le Blon ekflugas per « Blériot » monoplano, kaj flugas tre sukcese ĝis kiam li atingas la saman lokon kie Cody jam estas flankenigita, tie ĉi la vento frapis Le Blon sur la kontraŭa flanko; anstataŭ ol transflugi trans la ileksoj, li turniĝas dekstren rekte al la barieroj kaj la rigardantoj, li tuŝas la teron antaŭ la unua bariero, sed per mirinda vigleco saltigas la aeroplanon super ĝi, realteriĝas kaj tuj je preskaŭ nekredebla angulo releviĝas super dua bariero kaj la kapoj de la rigardantoj. Malfeliĉe, transpasinte la popolamason, pro tute proksima muro kaj grandaj arboj, li ne povas daŭrigi la flugon kaj por eviti la muron devas tuj fali al la tero kaj tion farante la aviadilo grave difektiĝis. Tre bonŝance S-ro Le Blon tute ne estis vundita kaj sciiĝinte pri tio, la rigardantoj laŭte aplaŭdas la lertecon per kiu li evitis gravan malfeliĉaĵon.

La plej longa kaj la plej rapida flugoj okazis la lastan tagon, kiam, flugante 45 km., S-ro Sommer restis 45 minutojn en la aero; kaj S-ro Delagrange flugis 2 km. je rapideco de 87 km. hore, kiu, oni diras, estas la plej rapida flugo jam farita.

Rigardinte flugojn, oni bone komprenas ke la nunaj aviadistoj ankoraŭ nur lernas flugi; malgraŭ io, via korespondanto povas certigi ke, se li ne estus edzo kaj patro, se li estus 20 jarojn pli juna ol li estas kaj — plej grava afero — se li estus milionulo, li tre baldaŭe havigus al si aeroplanon kaj li certe tuj eklernus la flugarton.

A. T. Priestam, *Del. Bradford.*

## JURO

### La Angla Buĝeto. — Proponoj de Lloyd George, financista ministro. — La novaj impostoj.

Laŭ la financa ministro, estas necese reorganizi la impostan sistemon, se oni volas ke la lando ne bankrotu! Lastan jaron estis deficito da Sm. 7.140.000, kaj tiun ĉi certe estos pli ol duobla, ĉar la elspezoj ĉiumomente pligrandiĝos dum la enspezoj plimalgrandiĝos.

La ĉefa kaŭzo de la malgrandiĝo de la enspezoj estas la nova regulado pri la alsendo en Britujon kaj la vendado de alkoholaj likvoroj, bieroj, k. t. p. La Britoj fariĝas nealkoholuloj. Rilate la elspezojn, ili pligrandiĝas pro la konstruado de novaj militŝipoj kaj la disdonado de pensioj al la maljunuloj. 90.000.000 Sm. estas necesaj por pagi la Sm. 2, 500 ĉiusemajnan al la britaj malriĉaj maljunuloj. Kaj almenaŭ 10 0/0 de la impostoj estas dediĉitaj al la fabrikado de novaj « Dreadnoughts », k. t. p. Neniam iu buĝeto estis tiam pridiskutita kaj okazigis tiom da disputoj. Ĝiaj proponantoj kaj subtenantoj ĝin nomas « la buĝeto de la malriĉuloj », ĉar ĉiuj novaj impostoj estos pagataj de la riĉuloj! La kontraŭuloj konsideras ĝin kiel hontan rabadon.

La novaj impostoj estas bazitaj sur tri grandaj principoj. Unue, ili devas esti tiaj, ke ili sufiĉos por pagi ĉiujn antaŭvideblajn kaj aliajn necesajn elspezojn; ĉiujare ili pligrandiĝos pro sia propra naturo, tial ke la sociala programo de la registaro estos efektivebla sen levado de novaj impostoj. Due, ili ne devas esti malhelpo al la kreskado kaj plibonigo de l'komerco kaj industrio, el kiuj konsistas la riĉaĵoj de la lando. Trie, ĉiuj klasoj de la societo devas partopreni la pagadon de la impostoj; malriĉuloj kiel riĉuloj, religioj, societoj kiel ĉiuj aliaj. Nuntempe pro la taksado de l'rentoj kaj salajroj, la plej granda parto de la impostoj estas pagata de la komercistoj, kaj dungatoj, ĉu ŝtataj, ĉu privataj, dum la riĉaj posedantoj de l'tero estas malmulte impostataj.

Estas do tiuj bienposedantoj kiuj « suferos » pro la propono de la ministro. Sed ili mem estos dividitaj en diversaj kategorioj: unue, tiuj kies bienoj estas kulturitaj, kaj due kies bienoj havas specialan valoron pro mineralaj entenaĵoj aŭ pro ĝia proksimeco de popolaj centroj. La kulturitaj teroj havas tre malgrandan valoron, kaj tiu valoro mem malgrandiĝas en multaj partoj de Britujo dum la ĉirkaŭurbaj teroj kaj mineralejoj ĉiuspecaj plivaloriĝos. Alia afero konsiderinda en la nova taksado estas la kialo de tiu plivaloriĝo. Tre ofte, kaj oni povas diri preskaŭ ĉiam, la posedanto de la bieno havas nenion, kaj riskas nenion por ĝin plibonigi aŭ plivalorigi; la kreskanta valoro estas ŝuldata al la luantoj kiuj ĉu sur ĝi konstruis, ĉu ekspluatas la internaĵon. La luantoj do riskas multe kaj pagas multe al la bienulo, ne sciante ĉu iam iliaj klopodoj estos rekompencataj, dum li ĉiuokaze, ricevos grandegajn profitojn.

Estas do tiuj bienuloj kiuj de nun devos pagi la impostojn, kaj tiuj impostoj estas entute tri. Unue, estos impostitaj laŭ sia nuna valoro ĉiuj bienoj kies valoro dependas de la najbaraj entreprenoj kaj tiu takso kreskos ĉiujare kun la plivalorigo de la bieno, aparte de tiu de la konstruaĵoj sur ĝi ekzistantaj. Tiu imposto estos 20 0/0 de la plivalorigo, por la ŝtato.

Due, estos impostataj ĉiuj teroj ne uzataj laŭ sia taŭgeco, t. e., la bienoj sur kiuj la posedantoj ne konstruigas aŭ ne permesas konstrui esperante pli malfrue lui ilin multe pli kare. La nova imposto estos 2 0/0.

Trie, 10 0/0 sur la plej grandaj profitoj, kiujn terposedanto povos ricevi je la finiĝo de iu lukontrakto. (En Britujo, post nombro da jaroj, kutime 99, la konstruaĵoj apartenos al la posedanto de la tero, sur kiu ili estas konstruitaj, t. e., nomata « lear »). Devos ankaŭ pagi specialan kaj grandan imposton la bienuloj kies posedaĵoj enhavas mineralojn kaj tiel ricevas minejan depagon sen iu risko.

Pli granda imposto estos tiu ankaŭ pagota sur la heredaĵoj. Kiam la heredanto estos frato aŭ fratino, fratido aŭ fratinido de la mortinto, anstataŭ 3 0/0 la imposto estos 5 0/0; rilate al la aliaj heredaĵoj kiuj nun suferos imposton de 5 ĝis 10 0/0, ĉiuj estos impostitaj laŭ sama ŝarĝo 10 0/0. La imposto restos kiel la nuna kiam edzo aŭ edzino heredos de la mortintino aŭ mortinto almenaŭ, se la heredaĵo ne estas pli ol Sm. 20.000. Super tiu sumo la imposto estos 5 0/0. Pro tiu nova imposta sistemo, estas timinda, ke multaj personoj donu siajn bienojn, per specialaj kontraktoj, dum sia vivo. Por tion eviti, la impostoj ĝis nun pagitaj en okazo de donaco estos duobligataj, aŭ kalkulitaj laŭ la valoro de la donitaj bienoj en okazo de grandegaj donacoj.

La renta imposto estos iom ŝanĝata, — kompreneble ankaŭ pligrandigita por personoj kiuj havas jaran enspezon pli grandan ol Sm. 30.000 ĝis Sm. 50.000. — Anstataŭ pagi 5 Sm. por ĉiu 100 Sm., ili pagos ĉirkaŭ 0,500 plie. Por pli grandaj sumoj la imposto estos 5 Sm. por ĉiu 100. Nuntempe ĉiu dungato fraŭlo, aŭ edzo, kies salajro estas pli ol 1.600 Sm. pagas Sm. 3,500 por ĉiu 100 Sm. super tiu sumo.

Se anstataŭ perlabori sian vivon, oni havas rentojn aŭ profitojn elĉerpitajn alimaniere ol el la laboro, la imposto estas 1/3 pli granda, t. e., 5 0/0. Per la nova propono, ĉiu patro pagos imposton nur sur pli granda salajro, kaj almenaŭ 100 Sm. po infano malpli ol 16-jara estos neimpostita.

Aliaj novaj grandegaj impostoj estos pagotaj de la posedantoj de hoteloj, restoracioj, kaj iliaj lokoj ĉe kiuj alkoholigitaj trinkaĵoj estos vendataj. El tiu kategorio de impostoj, la registaro ricevos proksiman jaron almenaŭ 20.000.000 Sm. pli ol antaŭe. Ni ankaŭ citu la impostojn sur la aŭtomobiloj, la tabako kaj la akcioj kiuj ankaŭ havigos kelkajn pliajn milionojn da Spesmiloj por la pensioj por maljunuloj, kaj kor militŝipoj.

Jen en kelkaj vortoj, la resumo de la buĝeto. Kompreneble por ĝin klarigi aŭ priparoli « in-extenso » multaj kolonoj de « Esperanto » estus necesaj, kaj mi havas nur tre limigitan lokon. Miaj legantoj do senkulpigos min, se multaj punktoj restas malklaraj por ili. Kiel mi jam diris multaj diskutoj estas okazigitaj pro la proponitaj impostoj.

Kaj la ministro financa jam estis devigata ŝanĝi kaj reŝanĝi diversfoje sian projekton, tial ke ĝi estas kontraŭbatalata de multaj deputatoj. Ĉiutage en ĉiuj partoj de Britujo estas organizataj kunvenoj por aŭ kontraŭ la impostoj novaj; eĉ inter la amikoj de la nuna registaro, kelkaj ilin fortege konstraŭstaras.

Nuntempe lastaj ŝanĝoj estas proponataj de la Parlamento antaŭ sendi la projekton al la « Nobela Konsilantaro » (House of Lords) por ricevi finan sankcion.

Ĉu akcepto, ĉu forĵeto? Jen ĉies demando!

P. Blaise (Londono).

---

**Ĉiuj Esperantianoj estas petataj de nun repagi la kotizaĵon por 1910 al la Delegito de sia loko.**

---

# La Faktoj

18 oktobro. Blackpool. — Komenco de la aviada semajno.

Kopenhago. — La reĝo akceptas la eksiĝon de Christensen, ministro de l'nacia defendo.

19. Parizo. — Grafo de Lambert per sia aeroplano plenumas flugadon super Parizo.

24. Arco (Italujo). — Inaŭguro de monumento al pentristo Johano Segantini, verko de skulptisto Bistolfi.

26. Karbin. — Princo Ito estas inside mortigita.

Doncaster. — Delagrange atingas per aeroplano la plej grandan rapidecon.

27 Romo. — Inaŭguro de la tria Kongreso de la Filozofia societo.

Kopenhago. — Advokato Zable starigas novan ministraron tute radikalan.

29. Grekujo. Ribelo de kelkaj maristoj de reĝa ŝiparo. La ribelantoj estas venkitaj post bombardado.

Dewenport. — Feliĉa surakvigo de la plej granda kirasita krozŝipo.

30. Parizo. — Prezidanto Fallières inaŭguras la palacon por la Ligo de l'Instruado.

Brooklin. — Paulhan venkas la rekordon de alteco kaj rapideco en aeroplano.

31. Napolo. — La milita direktebla aerŝipo plenumas la vojaĝon al Bracciano (Romo) ĝis Napolo kaj revene.

1. Novembro. Romo. — Dum la halto de la direktebla balono en Romo, helico de la aerŝipo mortigas leŭtenanton Rovetti.

Konstantinoplo. — Publikigo de firmanoj laŭ kiuj ĉiuj rasoj estas akceptitaj en la turka soldataro.

2. Vieno. — Imperiestro akceptis la eksiĝon de la ĉeĥaj ministroj Zaçek kaj Braf.

Parizo. — Solena rememorigo de la kvara centjara festo de la naskiĝo de Kalvino.

3. Parizo. — Malfermo de proceso kontraŭ vidvino Steinheil.

4. Ateno. — Aresto de ŝipleŭtenanto Typaldos, ĉefo de la ribeloj de la Greka ŝipanaro.

A. Tellini.

---

**Ĉiuj Esperantianoj nepre devas uzi la Esperantiajn Markojn vendatajn por la profito de centra kaso de U. E. A. 1 Sd por ekzemplero (minimumo 10)**

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

*OFICIALA IMFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

**Protokolo pri voĉdonado.**

La subskribintoj, membroj de U. E. A., certigas, ke la voĉdonado de la Delegitoj pri la proponoj de la kunveno de U. E. A. en Barcelono (Of. Bulteno, no 3) liveris la jenajn rezultatojn:

| | |
|---|---|
| Nombro de la Delegitoj | 82 |
| Delegitoj voĉdonintaj . . | 58 |
| Nombro de l'voĉoj. . . . | 68 |

1o *Forigo de la sendependaj Subdelegitoj* 62 *jes* 6 *ne.*

2o *Kreo de distriktaj Delegitoj* 56 *jes* 12 *ne.*

3o *Forigo de la aerveturа fako* 65 *jes* 2 *ne.*

4o *Kotizajoj por 1910 .... jes .... ne.*

Konsekvence, ĉiuj proponoj de la kunveno estis akceptitaj per la plimulto de la Delegitoj:

La atestintoj: H. Hodler, Ed. Stetler, S. Sosnovski.

∴

Laŭ la ĉi supra voĉdonado la rezultato estas modifita jene:

1e ĈAPITRO III. — Delegitoj

§ 9 (nova). — En ĉiu regiono ekzistas Delegito kaj Vicdelegito.

En la regionoj, kie estas almenaŭ 20 membroj, la Delegito kaj Vicdelegito estas balotataj de la membroj.

En la regionoj, kie estas malpli ol 20 membroj, la Delegitoj estas elektataj de la Komitato. La limoj de la regionoj estas fiksataj de la fako administrado.

§ 10 (nova). — La Delegitoj kaj Vicdelegitoj estas elektataj por du jaroj. Ili estas konstante reelekteblaj.

§ 11. — 5e Li partoprenas en la voĉdonoj kaj balotoj laŭ maniero kaj kondiĉoj priskribitaj en la § 18.

§ 14 (nova). — En ĉiuj lokoj de sia regiono, la Delegito, se li juĝas tion necesa, povas elekti Subdelegitojn, kiuj sempere dependas de li la Subdelegitoj estas elektataj por 2 jaroj kaj konstante reelekteblaj.

§ 15. — La Subdelegitoj ricevas de la Delegito ĉiujn dokumentojn... (ne de la komitato).

§ 16. — (Nuligita).

§ 18. — Aldoni: ĉiu Delegito kiu ne havas 20 membrojn en sia regiono, ne havas voĉdonrajton.

2e Aldono al Ĉapitro III

§ 20 *bis.* — El ĉiu landoparto havanta komunajn interesojn rilate al la agadkampo de U. E. A. kaj posedanta almenaŭ 5 Delegitojn estas formata distrikto. En ĉiu distrikto la Delegitoj elektas por du jaroj distriktan Delegiton.

§ 20 *ter.* — La distrikta Delegito havas la jenan taskon:

1e/. Li alcentrigas ĉion, kio koncernas la disvastiĝon de U. E. A. en la distrikto;

2e/. Li alcentrigas ĉiujn raportojn de la Delegitoj kaj Konsuloj de sia distrikto.

3e ĈAPITRO V. — Komitato

§ 25. — No 8a. (Aerveturado) estas nuligita.

Aldono pri Kotizaĵo

§ 1. — La kotizaĵo de la Esperantianoj por 1910 estas fiksata je 36 Sd.

§ 2. — La kotizaĵo de la Esperantiaj entreprenoj estas fiksata je 5 $, el kiuj 1/5 estos rezervaj por la konsuloj laŭ maniero difinota de la Komitato. La Esperantiaj entreprenoj, kiuj havas esperantistan karakteron (grupoj societoj, gazetoj esperantistaj) pagas 2 $.

### Gravaj Avizoj

Ni rememorigas, ke ĉiuj personoj, kiuj aliĝis al U. E. A. post la 1a de Novembro 1909 estas membroj por fino de 1909 kaj por la jaro 1910.

Ĉiuj Esperantianoj, kiuj ne estos sendintaj formalan eksiĝon antaŭ la 1. Januaro estos konsiderataj kiel membroj por 1910 kaj de nun estas petataj repagi sian kotizaĵon.

La *Oficiala Bülteno* (No 4) estas nun ekspedata. Ĝi estas akompanata de multaj dokumentoj necesaj por la agado de la Delegitoj dum la venonta jaro kaj pri la rebalotado de la Delegitoj.

Oni estas treege petata repagi la kotizaĵon ne al ni, sed ĉiam al la loka Delegito de la plej najbara loko. Ĉiu repaginto ricevos markon kun dato 1910 gluotan sur la membrokarton. Same por la Esperantiaj entreprenoj.

### Rebalotado de la Delegitoj

Dum novembro kaj decembro okazos en 90 lokoj la rebalotado de la Delegitoj de U. E. A. por du jaroj. Pli ol 3.500 membroj el ĉiuj membroj devas partopreni en tiu balotado, pri kiu ĉiuj instrukcioj estos sendataj al la Delegitoj. Ni esperas, ke ĉiuj niaj membroj partoprenos en tiu unua ĝenerala balotado, montrante tiel sian intereson al nia Asocio kaj sian komprenon de la demokrataj principoj de U. E. A.

### Novaj Delegitoj:

Ĝis la 15 novembro estis elektitaj la jenaj Delegitoj:

*Bad-Kissingen* (Germanujo). — S-ro H. Neubert (villa Maxschlosschen).

*Dmitrov* (Rusujo, Moskvagub). — S-ro Dro Kohan (Orudjevskaja Bolnica).

*Gefle* (Svedujo). — S-ro Helsing Johan.

*Giarre* (Italujo, Sicilio). — S-ro V. Caltabiano Ligresti.

*Gut Benz* (Germanujo, Lübeck). — S-ro Max Butin.

*Halberstadt* (Germanujo). — S-ro E. D. Von Eickstedt (Grundenberg 7).

*Kattowiz* (German., Oberschlesien). — S-ro P. Tarnow (Hauptpostlagerung),

*Kursk* (Rusujo). — S-ro A. Baranov (Novo-Preobrajenskaja. 32).

*Los Angeles* (Usono, California). — S-ro W. E. Smith (529 Douglas Bldg).

*Marienburg* (German., Okc. Prusujo). — S-ro H. Mehrlœnder (Niedere Lauben).

*Monestier-de-Clermont* (Franc., Isère). — S-ino H. Dussert.

*Odessa* (Rusujo). — S-ro Kap. A. Ergolski (Ĥersonskaja 60, kv. 8).

*Portsmouth* (Anglujo). — S-ro Mare (41, Bradford Rd).

*Privas* (Francujo). — S-ro G. Thibon (Préfecture).

*Oumanj* (Rusujo, Kiew gub). — S-ro St. Dmochavski (Sadovaja ul.).

*Regensburg* (German., Bavarujo). — S-ro H. Nüsslein, Hohlweg, 1.

*St-Charles* (Usono, Minn), — S-ro C. Y. Pickert.

*Saratov* (Rusujo). — S-ro A. Arĥangelski (Melnica E. Borel).

*Schweidnitz* (German. Silezio). — S-ro Edm. Schulz (Bahnhofstr. 10).

*Villefranche* (Francujo, Rhône). — S-ro G. Nallet (123, rue Nationale).

*Washington* (Usono). — S-ro B. F. Schubert (1505 North Capitolst).

*Entute 742 lokoj.*

ŜANĜOJ: *Arcos-de-Val-de-Vez*: S-ro Barbeitos, pro transloĝiĝo, ĉesas esti Del. — *Berlin*: S-ro Gustav Rauch, Am Tempelhaferberg 2, S. W. 29, estas Del.; S-ro O. Fromm, Schulstr., 14. Gth. II. Charlottenburg, estas Vicdel. — *Bologna*: S-ro O. Nanni, Via S. Petronio, estas Vicdel. — *Breslau*: S-ro Mahn, Albrerhstr. 43, estas Vicdel. — *Harbin*: S-ro A. Borisov estas Del. *Liège*: S-ro Vatriquant, 10, rue Schmerling, estas Vicdel, — *Mt-St-André*: S-ro Wamback eksiĝas, pro transloĝiĝo. — *New-York*: Anstataŭ S-ro King, estas Del, S-ro W. E. Baff, 150 Nassaust, antaŭe en Rochester. — *Oldenburg*: F-no E. Syafsen, 8 Gœcilienstr, estas nun Del. — *Peterburgo*: S-ro Sakoviĉ, Novo-Petergofski, 18-14, estos de nun Del. — *Rio-de-Janeiro*: S-ro I. França Str. Alice de Figuerrado, 26, estas Del. — *Sofia*: S-ro Oreŝkov estas Vicdel. — *Valencia*: S-ro B. Escolar, Str. Ruaja, 20-2o, estas Vicdel.

Ricevis la rajton voĉdoni pro varbado de pli ol 20 membroj; S-ro Behrend, *D. Breslau*; S-ro Jabeuf, *D. Lyon*; S-ro Rhodes Marriott, *D. Manchester*; S-ro Balkam, *D. Colorado Springs*; S-ro Pfaff, *D. Worms.*

### Esperantiaj Entreprenoj

(*7a listo*)

*Berlin: Tutmonda Esperanto-Anonceksepedo*, Th. Anding, Berlin S. W.

*Dresden: Esperantista Societo Verda Stelo*, P.: F. Radeck; VP.: W. Gross; S.: W. Petzold; K.: Em. Wünsche.

*Le Locle: Fabrikejo de Artlaboraĵoj (Fernand Droz)*. Envers 48, Le Locle, Svisujo.

*Lossnitz: Lossnitza Esperantista Societo.*

*Louhans: Librejo Girardot*, Louhans, S. & L. Francujo.

*Nottingham; « Esperanto » sapo-fabrikejo*, F. A. Goodliffe, 46, Bridgford Rd Nottingham.

*Tokio: Japana Esperantisto*, Red: Ĉif. Toŝio.

*Porto-Alegre: Librejo Americana Pintos & Co*, Andrades 363, Porto-Alegre, Brazilo.

*Porto-Alegre: Grande Oriente do R. G.*, Gal. Camara 60, Porto-Alegre.

*Varsovio: Tutmonda Artista Impresario*, Tadensz Ziembinski, Wopolna 24/26.

### Esperantiaj Asocioj

*Leipzig: Esperanto-Grupo Universo.* P: M. Jannasch; S: R. Sanerbreg.

*Worms: Wormsa Esperantista grupo.* P: H. Pfaff; V P.: K. Steiger; S.: F. Pfaff; K: K. Steiger.

En tute: 97 Esperantiaj entreprenoj; 12 Esperantiaj Asocioj.

### STATISTIKO DE LA ESPERANTIANARO

Jen estas po lando la stato de U. E. A. je la 1a novembro 1909 (fino de la membrolistoj dum tiu jaro).

| Lando | Membroj | Delegitoj | Subdelegitoj (1) |
|---|---|---|---|
| Britujo | 616 | 10 | 68 |
| Germanujo | 900 | 18 | 79 |
| Aŭstrio-Hungar. | 288 | 6 | 58 |
| Francujo | 1026 | 16 | 137 |
| Italujo | 60 | — | 21 |
| Hispanujo | 413 | 12 | 47 |
| Portugalujo | 32 | — | 6 |
| Rusujo | 571 | 10 | 52 |
| Skandinavio | 111 | 4 | 17 |
| Holando | 105 | 3 | 11 |
| Belgujo | 65 | — | 29 |
| Svisujo | 144 | 4 | 18 |
| Balkanaj landoj | 166 | 3 | 12 |
| Azio | 65 | — | 12 |
| Afriko | 28 | — | 5 |
| Nord-Ameriko | 154 | 2 | 47 |
| Sud-Ameriko | 104 | 2 | 10 |
| Oceanio | 77 | 3 | 3 |
| Tutmondo | 4925 | 93 | 632 |

Inter la lokoj, kiuj havas la plej multe da membroj ni citu: Danzig 140, Paris 127, London 122, Moskvo 117, Abbeville 101, Praha 92, Magdeburg 90, Bromberg 83, Barcelona 75, Dresden 70, Varsovio 67, Liverpool, 49, Tiflis 43, Sosnovice 41, Le Havre 38, Dublin 37, Rostov 36, Valencia 35, Wœrishofen 35, Caracas 35, Edinburgh 35, Bukarest 34, Kœnisgberg 34, Krakow 32, Amiens 32, Rotterdam 31, Melbourne 31. Ĉiuj aliaj havas 30 membrojn aŭ mal pli.

Malgraŭ niaj alvokoj, ni scias, ke kelkaj Delegitoj ne ankoraŭ sendis sian membroliston; aliparte, ni jam havas aliĝojn por 1910, tiel ke ni povas diri, ke la nombro de Esperantianoj certe superas *5200*. Ni iru nun rapide al la *sesa* milo!

Oni rimarkos el la supra statistiko, kiel internacie disvastigata estas nia Asocio. Gi ja havas membrojn en 42 landoj. Venas

1. Laŭ la antaŭa distingo inter Del. et Subdel.

---

FELIETONO DE « ESPERANTO »

17

# RAKONTO

PRI

# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj

### XII. Oni alveturigis ilin

Lumo de sekreta lanterneto falis sur paperon kaj blankajn manojn sen gantoj. Tiu kaj alia iom tremis; tremis ankaŭ la voĉo:

— Gesinjoroj, eble ni ne legu la verdikton; ĉiuj vi ja scias ĝin? Kiel vi opinias?

— Oni ne legu, — por ĉiuj respondis Verner kaj la lanterneto rapide estingiĝis.

— La pastron ĉiuj ankaŭ rifuzis. Kaj malluma, larĝa silueto silente kaj rapide forŝoviĝis profunden kaj malaperis. Komencis videble tagiĝi: blankiĝis la neĝo, la homaj figuroj mallumiĝis kaj la arbaro fariĝis malpli densa, pli malgaja kaj pli simpla.

— Gesinjoroj, oni devas iri po du. Stariĝu popare, kiel vi volas, sed mi petas, rapidiĝu.

Verner montris Jansonon, kiu jam estis sur la piedoj, apogata de du ĝendarmoj:

— Mi kun li. Kaj vi, Serĉjo, prenu Vasiljon. Vi iru antaŭen.

— Bone.

— Ĉu ni kune, Munja? — demandis Kovalĉuk. — Nu, ni kisu nin.

Ili rapide sin kisis reciproke. Ciganok kisis tiel forte, ke oni sentis la dentojn; Janson kisis mole kaj malvigle per duone malfermita buŝo, — cetere, ŝajnis, ke li ne komprenis, kion li faras. Kiam Sergej Galovin kaj Kaŝirin jam foriris kelkajn paŝojn, Kaŝirin subite haltis kaj diris laŭte kaj klare, sed per tute fremda, nekonata voĉo:

— Adiaŭ, kamaradoj!

— Adiaŭ, kamarado! — oni kriis al li.

Ili foriris. Estis silento. La lanternetoj post la arboj haltis senmove. Oni atendis ekkrion, voĉon, ian bruon, — sed estis silento tie, kiel ankaŭ tie ĉi, kaj senmove flavlumis la lanternetoj.

Aĥ, Dio mia! — ekraŭkis iu sovaĝe. Oni rerigardis: ĝi estis Ciganok, kiu suferis pro antaŭmorta korpremeco. — Oni pendigas!

Oni sin deturnis, kaj ree estis silente. Ciganok suferis kaj kaptadis la aeron per la manoj:

— Kiel do ĝi estas! Gesinjoroj, ah? Ĉu mi estos sola? Do kune ĝi estas pli gaje. Gesinjoroj! Kiel do?

Li kaptis la manon de Verner per kunpremantaj kaj malpremantaj, kvazaŭ ludantaj fingroj:

— Moŝto, kara, almenaŭ vi estu kun mi, ah? Ekfavoru, ne rifuzu vi!

Verner, suferante, respondis.

— Mi ne povas karulo. Mi estas kun li.

— Aĥ vi, Dio mia! Sekve, mi sola! Kiel do ĝi estas? Dio mia!

Musja ekpaŝis antaŭen kaj diris mallaŭte:

— Iru vi kun mi.

Ciganok retiriĝis kaj sovaĝe elstarigis al ŝi la okulblankaĵojn:

— Kun vi?

— Jes.

— Vidu! Mi ja estas mortigisto. Ĉu ne malestimas? Do mi preferus resti sola. Mi ne koleros vin.

Musja silentis kaj ĉe nehela tagiĝa lumo ŝia vizaĝo ŝajnis pala kaj enigma. Poste ŝi subite alproksimiĝis al Ciganok kaj, metinte la brakojn ĉirkaŭ lia kolo, ŝi forte kisis liajn lipojn. Li prenis per la fingroj ŝiajn ŝultrojn, formovis ŝin, ekskuis — kaj ŝmaĉante laŭte kisis la lipojn, la nazon, la okulojn.

— Ni iru!

Subite la pli proksima soldato iel ekŝanceliĝis kaj, malpreminte la manojn, faligis la pafilon sed li ne kliniĝis por levi ĝin, li por momento haltis senmove, krute turniĝis kaj, kiel blindulo, ekpaŝis sur netuŝita neĝo en arbaron.

— Kien vi iras? — timeme murmuris la alia. — Haltu!

Sed tiu same silente kaj malfacile baraktis en profunda neĝo; verŝajne puŝiĝis je io, ŝvingis la manojn kaj falis vizaĝe malsupren. Kaj tiel li restis.

— Levu la pafilon, acida lano! Se ne mi ĝin levos! — severege diris Ciganok. — Vi ne scias la militservadon!

La lanternetojn ree klopode ekmoviĝis. Venis la vico de Verner kaj Janson.

— Adiaŭ, moŝto! — laŭte diris Ciganok, — En tiu mondo ni estos konatoj; kiam vi vidos min, ne deturniĝu. Ankaŭ iam donu al mi akvon por trinki — varmege estos al mi tie.

— Adiaŭ!

— Mi ne volas! — malvigle diris Janson. Sed Verner prenis lin ĉe la mano kaj la Estano mem faris kelkajn paŝojn; poste, oni vidis, li haltis kaj falis en la neĝon. Oni kliniĝis, levis kaj portis lin, kaj li malforte baraktis en manoj portintaj lin. Kial li ne kriis? Kredeble li forgesis, ke li havas voĉon.

Kaj la flavetaj lanternetoj ree haltis.

— Kaj mi, sekve, Munja, estos sola — malgaje diris Tanja Kovalĉuk. — Ni vivis kune, kaj jen...

— Tanja, karulino...

Sed Ciganok energie intermetis tenante la manon de Musja, kvazaŭ timante, ke oni ne forprenu ŝin, li ekparolis rapide kaj ageme:

— Aĥ, bariŝnja! Vi povas sola, vi estas pura animo, vi povas, kien vi volas. Ĉu vi komprenis? Kaj mi ne. Ĉar mortigisto... vi komprenas? — Estas neeble, ke mi estu sola. Oni diros: kien vi ŝoviĝas, mortigisto? Mi ja ĉe cevalojn ankaŭ ŝteladis, je Dio! Do kun ŝi mi kiel... kiel kun etulo, vi komprenas. Ĉu vi ne komprenis?

— Mi komprenis. Do, vi iru kune. Donu, Munja, mi ankoraŭ kisos vin.

— Kisu vin, kisu vin, — admone diris Ciganok al la virinoj. — Via afero estas tia, oni devas bone adiaŭdiri.

Musja kaj Ciganok ekiris. La virino iris singardeme, glitfaletante kaj laŭkutime tenante la jupojn; kaj la viro forte, avertante kaj palpante per piedo la vojon, perbrake kondukis ŝin al la morto.

La fajroj haltis. Silente kaj dezerte estis ĉirkaŭ Tanja Kovalĉuk. La soldatoj silentis, ili ĉiuj estis grizaj de la senkolora kaj malforta lumo de komenciĝanta tago.

— Mi estas sola, — subite diris Tanja kaj eksopiris. — Mortis Serĉjo, mortis ankaŭ Verner kaj Vaĉjo. Mi sola soldatetoj, soldatetoj, mi estas sola. Sola...

Super la maro leviĝis la suno.

Oni metis en kestojn la kadavrojn, poste forveturigis ilin. La kadavroj kun etenditaj koloj, kun freneze elŝoviĝintaj okuloj, kun ŝvelita blua lango, kvazaŭ nekonata terura floro, elŝoviĝinta inter la lipoj, kovritaj per sanga ŝaŭmo, moviĝis nun reen sur tiu sama vojo, per kiu ili mem vivantaj venis tien ĉi. Kaj la printempa neĝo estis tiel same mola kaj odoranta, kaj tiel same freŝa kaj fortiga estis la printempa aero. Kaj en la neĝo oni vidis nigran, malsekan, eluzitan galoŝon, perditan de Sergej.

Tiel homoj salutis la leviĝantan sunon.

*(Fino.)*

Trad. Dro J. Ostrovski.

1. Rusa karesa esprimmaniero per plimalgrandiga sufikso.

unuavice Francujo, Germanujo, Britujo, Rusujo, Hispanujo, Aŭstrio. La ciferoj pri ekstereŭropaj landoj estas ankoraŭ malaltaj, sed ni ne dubas, ke ili multe pli altiĝos dum 1910.

*La Administra fakestro.*
H. HODLER.

**FINANCA FAKO**

**Etato de la Financoj dum monato Septembro**

| | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|
| Fako Administrado | $ 300 36 | 161 78 |
| Subfako Ekspedado | 0 26 | 38 68 |
| Fako Financoj | 4 98 | 26 02 |
| Fako Junuloj | 0 96 | 3 95 |
| Fako Esp.-Of. | | 0 68 |
| Subfako Reklamo | | 1 » |
| Sumoj | 306 56 | 232 11 |
| En kasoj la 1an de septembro | 103 16 | |
| En kasoj la 1an de oktobro | | 177 61 |
| | 409 72 | 409 72 |

*La Financa Fakestro,*
Th. Rousseau.

**Kiu Esperantista grupo ne ankoraŭ eldonis gvifolion?**

# ESPERANTIA VIVO

**Edziĝo.** Ni ekscias pri la geedziĝo okazonta la 2-Dec. de S-ro G. Chauvigné kun F-ino R. Bouchereau, ambaŭ Esp-ianoj, kaj anoj de la Esp. grupo de Tours (France). Ni devas aldoni, ke la estontaj geedzoj interkonatiĝis dank al Esperanto. Estas la tria edziĝo, kiu okazas en Tours je la sama maniero. Ĉiujn niajn plej bonajn dezirojn.

**Translogiĝoj.** S-ro M. Butin, vic. del. en B. Godesberg, loĝas nun en Gut-Benz (Lübeck).— S-ro Ampt, subdel. en Rochester, transloĝiĝis en New-York.— S-ro Ed. Privat, dir. de l'Instituto, loĝos en Parizo dum unu jaro.

**Voyaĝoj.** Ges-roj Roger, eks-Del. en Abbeville, travojaĝis parton de Svisujo dank al U. E. A. — S-ro Chevrot, Del. en Bourg, kiu ricevis stipendion de la Burgonia federacio, finis sian vojaĝon per U. E. A., kiu tre bone sukcesis. En la plej multaj li estis akceptita de niaj Del. Ni esperas publikigi lian raporton en proksima No. Ges-roj Evstifierieft vojaĝas nun en Hungarujo; ili vizitis la kunvenon de T. E. K. A.

**Morto.** — S-ro H. Hodler, vicprezidanto de U. E. A. kaj direktoro de « Esperanto » jus havis la grandan doloron perdi sian patrinon, mortintan en Genève la 16an de Novembro, post longa kaj doloriga malsano. Ni certe esprimas la penson de ĉiuj Esperantianoj kaj de ĉiuj legantoj de nia ĵurnalo, sendante al li, en tiu kruela okazo, la certigon de nia samideana simpatio.

## Esperantiaj Informoj

**El la Oficejo de Esperantio : Lastatempaj faritaĵoj**

Dum la ĵusa duonmonato, la Oficejo de U.E.A. plenumis la jenajn laborojn : Kontrolado de la voĉdonado pri punktoj traktitaj en Bulteno 3a (Vidu la Oficialan Informilon). — Preparado de Bulteno 4a kaj de la materialo sendota al ĉiuj Delegitoj por ilia agado. Tiu tre peza kaj komplika laboro — sendo de ok diversaj cirkuleroj al 800 reprezentantoj — estas plenumita de la reklama subfako en Dijon. — Kontrolado de ĉiuj membrolistoj kaj kuna ricenzio por 1909.— Preparado de cirkulero pri la organizo de la Jara konsilantaro de U. E. A. pri oficiala tradukistaro de U. E. A. kaj pri eldono de nacilingvaj propagandiloj por U. E. A. — Dissendado de avertiloj al nepagintaj Del. kaj Subdel. Transloĝiĝo de la ekspeda subfako al Ĝenevo.

Aliparte, organiziĝo ĉe la sama ejo kiel U. E. A., la grava Universala *Esperantia Librejo*, pri kiu ni parolis en la lasta No. Tiu vendejo komencis prizorgi la mendojn de la eldonaĵoj de U. E. A. kaj de ĉiuspecaj libroj.

En presado : gvidfolioj de Düsseldorf, Morges Leipzig, Wœrishofen; 4a eldono de la Oficiala Jarlibro.

**Angers** (Francujo). — La Iniciata Sindikato de Anjou, antikva provinco de Francujo, decidis eldoni, por la venonta sezono de somero 1910, belegan ilustritan gvidlibron. Tiu gvidlibro, donacota senpage al la turistoj, kiuj grandnombraj ĉiujare vizitas tiun regionon, kaj disdonato tre diversaj fremdaj landoj, estos presata en tri lingvoj : franca, angla, esperanto, presitaj kune sur la sama paĝo. Imitinda agado, al kiu ni deziras la plej bonan sukceson.

# XIa LISTO de ESPERANTIANOJ

*kiuj pagis por 1909*

LEITH (41.441). — S. D. J. Robbie. — 1. J. Robbie; P. Stalker; 3. A.-H. Smith; 4. E.-P.-G. Konton; 5. J. Duncan; 11. L. Wallace.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo ; 11.*

PAISLEY (41.41.1). — S.-D.-G. Dickson. — 1. A. Pollock; 2. M.-C. Hardisty; 3. D. Semple; 4. J. Donaldson; 5. A. Allan; 6. G.-A. Dickson.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 6*

LONDON (42.1) V.-D.-P. Blaise. — 8. G. Higgie; 9. C. Baher; 10. A. Wright; 11. M. Bulter; 12. S-ino Storkdale; 13. F-ino Storkdale; 14. C.-E. Boardman; 15. F-ino H.-E. Bone; 16. F.-J. Stolart.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 16*

SAINT-ALBANS (42.58). — S.-D.-J. Cattan; 1. A.-G. Angel; 2. F. Blow; 3. C.-H. Cobley; 4. H. Godman; 5. O. Godman; 6. F-ino Nightingale; 7. J. Parish; 8. F-ino D. Summers.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 8*

BATH (42.31.2) S.-D. : S.-R. Blackett. — 1. Blackett; 2. F-ino Murray; 3. Narh; 4. Pitt; 5. Britton.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 5*

BURNLEY (42.722). — D.-H. Hardaker. — S-ino J. Simpson; 10. R. Simpson; 11. W. Hargreaves; 12. F-ino Perry; 13. Caldercott; 14. Farnworth; 11. Gudson; 16. Poppleton; 17. S-ino Exuve; 19. Harrisson.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 19*

NEWCASTLE (42.821). — D.-S.-E. Wright. — 27. Gones; 28. Horman; 29. Baylis; 30. Charrett.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 30*

LIVERPOOL (42.721). — D. F-ino M. Jones; 38. J. J. Ashby; 39. F. Lee; 41. M.-A. Ireland; 40. E. Nullington; 42. B. Waterhouse; 44 E. Kitchener; 47. E. Arrowsmith; 43. A. Hartley; 48. J. Alker; 49. J.-A. Balsharv; G. Karck; 50. R. Thompson; 51. W. Fulton; 52. T. Pitt; 63. R. Sroomey; 57. A. Laing; 44. G. Jacobsen; 56. M. Currin; 53. G. Bury; 55. C. Smith.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 42*

BIRMINGHAM (42.48.1). — S.-D.-F.-W. Hipsley. — 8. W.-H. Garbutt; 9. A. Uobb.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 3*

KŒNIGSBERG (43.11). — D.-J. Schwaiger. — 31. F. Adler; 32. G. Korsak; 33. L. Rigo.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 33*

DRESDEN (43.211). — D.-M. Fessner. — 1. I. Glaser; 2. Dinger; 3. W Seblag; 4. F-ino E. Heineck; 5. Frenckalbda; 6. D-ro H. Arnbold; 7. E. Boden; 8. F. Aler; 9. S. Winkelmann; 10. E. Lindenberg; 11. I. Interaŭ; 12. R. Ebert; 13. Röschi; 14. Riemann; 15. Schneider; 16. H. Bierstedt; 17. F-ino Senek; 18. F. Thiel; 19. W. Andrae; 20. Demisch; 21. D-ro Meier; 22. Beresse; 23. Canzlere; 24. Bratschraider; 25. Hanxel; 26. March.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 26*

LEIPZIG (43.212). — D.-B. Kœtz. — 1. B. Hœtz; 2. M. Starne; 5. O Heyne; 6. D-ro Blachstein; 7. A. Knopf; 10. F-ino Wnuderlich; 13. F. Müller; 14. J. Bijejko; 15. A. Petzold; 16. H. Jakoby; 17. M. Sefert; 18. Raecke; 19. J. Kraŭs; 20. Krempler; 21. F-ino Hergel; 22. W. Radünzel; 23. Egloffstein; 24. R. Janerbrey; 25. O. Spuerner; 26. Otto; 27. F. Vienveg.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 21*

BAD GODESBERG (43.429). — D.-H. Arntz. — 13. Demuth; 14. S-ino Donaisky; 15. Müller; 16. Robertz; 17. Schmidt; 18. Warneke; 19. Schafer.
. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 19*

## Instituto de Esperanto

**Donaco.**

Ni deziras diri nian profundan dankon al nia esperantista poeto, *S-ro Clarence Bicknell*, el Bordighera, kiu faris al la Instituto malavaran donacon de Sm. 100.

*La Prezidanto.*
Edmond Privat.

# Specialfakaj Societoj

**Internacia Asocio de Bankistoj Esperantistaj** (I. A. B. E.).

I. — CELO

§ 1. — Sub la nomo Internacia Asocio de Bankistoj Esperantistaj (I. A. B. E.) (mallonge : Bankio) estas fondata Asocio, kies celo estas la plifaciligo de la bankaferaj rilatoj inter bankistoj ĉiulandaj kaj ĉiulingvaj, kaj inter klientoj de ĉiunaciaj bankoj, Ĝi penados oficialigi Esperanton en ĉiuj bankoj.

§ 2. — Por pli facile plenumi sian taskon I. A. B. E. uzas nur la internacian lingvon « Esperanto » tian, kia ĝi estas definita per sia literatura kaj teknika verkaro.

II. — MEMBROJ

§ 3. — Por esti membro de I. A. B. E. oni devos sendi sian aliĝon al la Sekretario-Kasisto kun la mono de l'kotizaĵo. Estas rekomendate esti Esperantiano (t. e. membro de U. E. A.).

§ 4. — Ĉiu Bankiano ricevos membrokarton kun orda No subskribitan de l'prezidanto kaj de l'sekretario-kasisto.

§ 5. — La membrokarto donas al sia posedanto :

1o La rajton uzi ĉiujn, servojn de I. A. B. E.

2o La balotrajton,

3o La devon respondi ĉiujn demandojn pri bankaj aferoj faritajn de alia Bankiano, kiam ĉi tiu aldonis poŝtmarkon por respondo.

§ 6. — Estos eksigata el I. A. B. E. :

1o Ĉiu membro, kiu ne estos paginta sian kotizaĵon en la fiksita tempolimo.

2o Ĉiu membro, pri kiu la Komitato ricevis plendon (post 3 plendoj, la Komitato *devos* eksigi lin, se li ne donas sufiĉan senkulpigon) pro nerespondo.

§ 7. — Ĉiu persono aŭ societo, kiu faris gravan servon al I. A. B, E. estos bonfaranta membro de I. A. B. E.

III. — KOMITATO

§ 8. — La ĝenerala administrado de I. A. B. E. estas komisiita al Komitato.

§ 9. — La Komitato konsistas el 15 membroj, balotataj de ĉiuj Bankianoj por 1 jaro; ili estas ĉiam reelekteblaj.

§ 10. — La balotantoj devos atenti por ke la komitato estu kiel eble plej internacia.

§ 11. — La Komitato nomos mem sian Prezidanton, Vicprezidanton, Sekretario-Kasiston.

§ 12. — En okazo de morto; eksiĝo aŭ eksiĝo de iu komitatano, la Bankianoj devos elekti anstataŭanton en tempolimo de 4 monatoj.

§ 13. — La Prezidanto reprezentas oficiale la Asocion kaj prezidas la kunvenojn la Vicprezidanto lin anstataŭas.

§ 14. La Komitato komunikas kun Bankianoj per cirkuleroj kaj per la oficiala organo. Ĉiu komunikaĵo oficiala devas esti subskribata de l'Prezidanto kaj de l'Sekretario-kasisto de Bankio.

§ 15. — La Komitato kunvenas laŭ eble ĉiujare antaŭ la kunveno de l'Bankianoj. Ĝi povos kunveni eksterordinare, se pli ol duono de l'membroj tion volas.

IV FINANCOJ

§ 16. — La enspezoj de I. A. B. E. konsistas el :

1o La kotizaĵoj de la membroj;

2o La memvolaj kotizaĵoj, monhelpoj, donacoj, k. t. p.;

3o La profitoj de la diversaj servoj, vendoj, k. t. p., kiujn faras I. A. B. E.

§ 17. — La ĉiujara kotizaĵo de 1 Sm. devas esti pagata antaŭ la 1a marto.

§ 18. — La societa jaro komenciĝas la 1an januaro.

DIVERSAĴOJ

§ 19. — Ĝis kiam speciala gazeto ne estos necesa, la oficiale organo de I. A. B. E. estos « Esperanto », kiu publikigos nomojn kaj adresojn de ĉiuj Bankianoj.

§ 20. — Ĉiu komitatano, ĉiu Bankiano havas iniciatrajton : se li deziras proponi ŝanĝojn aŭ aldonon en la regularo, li sendos sian proponon al la prezidanto de I. A. B. E., kiu tuj ĝin presigos en la oficiala organo. Se en tempolimo da 3 monatoj, pli ol dekono de Bankianoj aprobas la studon de la dirita propono, la Komitato devas submeti ĝin al la voĉdonado de ĉiuj Bankianoj en tempolimo de 2 monatoj.

§ 21. Propono estos akceptata aŭ baloto laŭleĝa, nur se ĝi ricevis la voĉdonoj de pli ol la duono de la voĉdonantoj.

§ 22. — Ĉiuj voĉdonoj kaj balotoj estas sekretaj kaj korespondaj. La kontrolado de la voĉdonoj estos efektivigata de unu komitatano antaŭ 5 personoj (prefere Bankianoj aŭ Esperantianoj).

§ 23. — En okazo de ĉesigo de la Societo, se estas mono en kaso, oni ĝin disdonos al esperantiaj asocioj aŭ societoj.

**Karaj Gekolegoj**

Kiel ni vidas per la supra regularo, fondiĝis Internacia Asocio de Bankistoj Esperantistoj : Venu multaj en niajn vicojn, por ke en ĉiu urbo la vojaĝantoj trovu bankodirektoron aŭ bankoficiston, kun kiu ili povos interrilatiĝi.

Aliĝu multaj! Konigu Esperanton en ĉiuj viaj oficejoj, kaj montru al viaj direktoroj la jaman utilecon de Esperanto!

Turnu vin al S-roj :

Arnhold, Dresden, Gellerstrasse, 1. — R. Pillault, Société Générale, Orléans (France).

J. Pion, ĉe S-roj Mathieu, Faire, Bankofisto. Kaj Kio, Beaune.

# GRAVA AVIZO

**Ni avizas niajn abonantojn, kies abono finiĝis kun tiu No, ke, en la okazo se ili ne ankoraŭ repagis aŭ formale malabonis, ni enkasigos ilian reabonon per la poŝto, aldonante la elspezojn por la repagigo. La abonantoj loĝantaj en landoj, kie poŝtrepagoj ne estas akceptataj, estas treege petataj tuj sendi sian reabonon por ne kaŭzi interrompon en la ekspedado.**

**La plej simpla kaj ŝpariga maniero reaboni ESPERANTO estas pagi al la regiona Delegito aŭ Subdelegito de U. E. A. Ĝi tute evitas poŝtelspezojn.**

Disvastigi *Esperanto* kaj ĝin legigi al kiel eble plej multaj personoj estas la plej bona maniero por instigi daŭran intereson al Esperantismo. Por tio ni faras rabaton da 25 0/0 por ĉiu mendo du almenaŭ 5 ekzempleroj sendataj al la sama adreso. (Pagado trimonata laŭ fakturo).



# REKLAMO

**TARIFO**

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Unu paĝo* . . | $ 240 | *1/8 kolono* . | $ 5 |
| *Unu kolono* . | 40 | *1/16* — . | 2.50 |
| *1/2* — . | 20 | *1/24* — . | 1.75 |
| *1/4* — . | 10 | | |

*Rabato da 10 o/o por 3 reklamoj, 25 o/o por 12 reklamoj; 50 o/o por 24 reklamoj.*

*Nenia alia rabato aŭ prezo konsentata.*

Sin turni al la *Administrejo*, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo) aŭ al la *ĝenerala agentoj* : G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris*; Presejo de Esperanto, 15, rue Amiral-Roussin, *Dijon* (Francujo); C. kaj G. Browne, Wellington St., Strand, *London* (Anglujo); Germana Esperanto-Librejo, Rathausstr, *Leipzig* (Germanujo); Traduka Oficejo, 6 Schleinitzstr, *Bromberg* (Germanujo); Librejo Saharof, Tverskaja 29, *Moskvo* (Rusujo).

**ESPERANTO** *estas la plej bona internacia reklamilo por ĉiuj komercistoj, industriistoj financistoj, aferistoj,*

*Ĉar ĝi estas la plej legata el ĉiuj Esperantaj gazetoj,*

*Ĉar ĝi havas legantojn en 44 landoj de l'terglobo,*

*Ĉar ĝi estas la oficiala organo de U. E. A. kaj estas uzata de ĉiuj Delegitoj, Konsuloj, Esperanto-Oficejoj,*

*Ĉar ĝi estas gazeto, kiun oni zorge konservas, kies ĉiun numeron legas ne unu persono, sed multaj, ĉe la kursoj, grupoj, k. a.*

*AVIZO. — La Administrejo serĉas en ĉiuj lokoj bonajn reklamo-makleristojn. Oni sin turnu al ĝi pri la kondiĉoj kaj pluaj informoj.*

# ANONCETOJ

**TARIFO**

Korespondado. — *Unu enskribiĝo $ 0.30 (fr. 0.75).*

PI = *poŝtkartoj ilustritaj*; L = *leteroj*; PM = *poŝtmarkoj.*

Petoj & proponoj; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj : $ 0.08 (fr. 0.40).*

*Por ĉiuj annoncetoj, rabato da 10 o/o por 3 enpresoj, 25 o/o por 12 enpresoj, 50 o/o por 24 enpresoj.*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata, antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

**Korespondado**

Barcelona-Gracia (Hispanujo). — S-ro Arturo Torne, Str. Laurel II. PI.

Nottingham (Anglujo). — S-ro E.-W. Outen-Mansfield Rd. PI.

Zurich (Svisujo). — S-ro E. Meyer, Eid, mattstr. 38. PI. L.

Budapest (Hungarujo). — S-ro K. Lápossy, VIII. Baross u, 78. PI.

Belgrado (Serbujo). — S-ro A. Marucič, stud., Zelini Venac, 9. PI. (kun neeŭropaj landoj, aparte pri tipoj).

Milano (Italujo). — S-ro E. Castoldi, teatristo, viale Volta 8 (pri teatraj aferoj).

Pecka (Bohemujo, Aŭstrio). — S-ro L. Vonka, N. 139. P. I. (tuj respondos).

Chateaurenault (Francujo). — S-ro P. Gabory, horloĝisto. PI.

Černa-Hora (Moravio, Aŭstrio). — S-ro Frant Busina. PI.

Chrudin (Bohemujo, Aŭstrio). — S-ro Fr. Broz, PI.

Zaragoza (Hispanujo). — S-ro Pla Jordan. PI.

Krakow (Galicio, Aŭstrio). — S-ro A. Brzezinski. str. Stolarska, 6. PI.

Barcelono (Hispanujo). — S-ro F. Igual, Str. Universidad, 71. PI. (prefere kun neeŭropaj landoj).

Tarazona (Hispanujo). — S-ro V. Gracia Moreal, pastro.

Nuits-Saint-Georges (Côte-d'Or, Francujo). — S-ro E. Badier, 10, rue Thurot.

Moskva (Rusujo). — S-ro J.-S. Kondakov, Butviki, dom List.

Cromer (Norfolk, Anglujo). — S-ro E.-W. Burn. PI. L.

Reading (Anglujo). — S-ro A.-E. Deed, 41, London St. PI. L.

Budapest (Hungarujo). — S-ro A. Bànoczy, VIII. Szentkirályi U. 6. PI.

Vladikaukaz (Rusujo). — S-ro Dimitri Starickij, Červilionnaja Str. 19, PI.

B. Leipa (Aŭstrio). — S-ro Fr. Hanisch, Marktplatz. PI. — S-ro Willy Hoser. PI.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, 149, rue du Moulin-à-Vapeur. PI.

# Esperanto-Movado

**Germana Esperantisto** (Germanujo), Nov. 1909.

La 10 Oktobro okazis gravaj kunvenoj de la Saksa kaj Bavara Esp. Ligoj, respektive en *Leipzig* kaj *Nüremberg*. En la unua gravaj paroladoj de S-ro Lederer, D-ro Steche, speciale pri komerco, kaj D-ro Rohrbach. Ĉiuj saksaj grupoj (50) aliĝis al G. E. S. Oni decidis solene festi la 50an jubileon de D-ro Zamenhof. En Nürnberg, parolado de S-ro Stark. En Bavarujo ekzistos 12 Esp. grupoj; Esp. instruata ĉe la komerca akademio de Augsburg kaj en Casianecum de Donauworth.

Paroladoj en Augsburg, S-ro Starck, Chemnitz, Schonherr, Crimmitschau, S-ro Irmscher, Donauworth, S-ro Schmalz, Geestemünde, S-ro Fricke, Gmünd, S-ro Christaller, Halberstadt, S-ro Starck, Halle, S-ro Starck, München, Sama, Neubrandenburg, S-ro Heydweiller, Oberoderwitz, S-ro Semich, Rostock, S-ro Heydweiller. Novaj kursoj aŭ grupoj en Augsburg, Berlin, Brandenburg, Erfurt, Gommersheim, Hirschfelde, Krefeld, Lœbau, Meissen, Nowawes, Oberoderwitz, Delsnitz, Schweidnitz, Speier. Festoj en Godesberg, Frankfurt a/M. Jen kio montras la agemecon de germanaj samideanoj.

S-ro T. Borel plendas pri la multaj Esp. gazetoj kaj folioj en Germanujo, projektitaj aŭ projektotaj. « Ĉu ne estus pli bone, por la legantaro mem, ke ni havu malmultajn, sed bonajn, fortojn, ĉiam kreskantajn organojn ol tridekon da ĵurnaletoj mizeraj, laŭ vice aperantaj kaj malaperantaj ». Dio volu, ke la elpensistoj de ĵurnaloj bonvolu mediti kaj apliki tiujn saĝajn konsilojn, ne nur en Germanujo...

Bonega raporto pri la kunveno de U. E. A. en Barcelono.

**Franca Esperantisto** (Francujo). Nov. 1909.

Diversaj raportoj pri la postkongresaj ekskursoj.

El artikolo de S-ro Durieux pri « Esperanto ĉe la lernejo » : « Interkomunikiĝoj kun alilandanoj konstatigas, ke ne sentoj, sed vere lingvoj disigas la homojn. Amikeco facile stariĝas inter instruistoj el diversaj nacioj. Individuaj pli al proksimiĝaj sensigas, ke naciaj pli al proksimiĝoj ne estas absoluta utopio. Oni pli bone komprenas. pli forte oni deziras solidarecon inter la popoloj kaj prave oni aprobas iliajn protestojn kontraŭ eviteblaj militoj; oni konsentiĝas pri la utileco kaj ebleco direkti la junajn spiritojn al placa idealo kunigebla kun la patriotismo. Ĉi tiuj impresoj estas tiel fortaj ĉe mi, ke l'atmosfero de mia klaso estas de ili saturita ».

Du cent Parizaj Esp.-istoj, sub la konduko de S-ro Archdeacon, la fama aerveturanto-esperantisto vizitis la Aeronaŭtikan ekspozicion kaj faris propagandon.

Instruista grupo en Angers. Parolado en Beauvais, S-ro Demarcy, Charenton, S-ro Taverne, k. t. p.

**Norda Gazeto**, Norda Francujo, okt. 1909.

Raporto pri la suksesa festo de la Norda Federacio en Condé. Paroladoj kaj festoj kun ĉeesto de la urbestraro.

**Svisa Espero** (Svisujo). Okt. 1909.

La Svisa Esp. Societo kunvenis en *Lausanne*, 80 ĉeestintoj. Parolado de S-ro Privat. Gaja festeno. S-ro R. de Saussure estis reelektita prezidanto. Ĉe la ekzamena kunsido, ĉiuj kandidatoj estis akceptitaj. Kiel en ĉiuj Svisaj esp. kunvenoj oni parolis nur Esperante.

**Belga Esperantisto** (Belgujo). Sept.-Okt. 1909.

Tiu gazeto eniras sian duan jaron en bonaj kondiĉoj. Raporto pri la Va Kongreso kaj pri la Esp. Farmaciista kongreseto dum Barcelona kongreso, varme akceptita de la Colegio de Farmacéuticos. Oni fiksis kotizaĵon kaj decidis eldonon de « Farmacia Stelo ». Kelkaj sciencaj temoj estis diskutitaj de diversnacianoj Esperante; 40 farmaciistoj ĉiulandaj ĉeestis la kunvenojn, kiuj mirinde sukcesis.

Multaj kursoj en Antverpeno, estonta kongresurbo. Festo en Charleroi kaj Willebroek. La Belga ligo en havas 20 grupojn.

**Suno Hispano** (Hispanujo). Nov. 1909.

Detala raporto pri la belaj postkongresaj tagoj en Valencio, pri kiuj Esperanto jam parolis.

**Hungara Esperantisto** (Hungarujo). Okt. 1909.

Esperanto estis uzita ĉe la *Internacia Medicina Kongreso*, okazinta en Budapest. Speciala Esp-ista kunveno okazis la 30 Aŭgusto. D-ro Sidlovskij raportis pri « la konstruo de socia medicino en Rusujo », D-ro Ŝestakow pri « abortigaj formoj de infektaj malsanoj », D-ro Caillaud pri la « marakvo izotonika ». Ĉiuj raportoj estis Esperante legitaj kaj ricevis varman akcepton. Estis 200 aŭskultantoj. Imitinda ekzemplo.

El parolado de S-ro Szentmariariay, prez. de Hungara Esp-Societo ĉe la akcepto al fremdaj Esp-istaj kongresanoj: « Ni hungaraj esperantistoj konfesas sincere, ke ni estas treege alforĝitaj al la interna ideo de Esperantismo, bone sciante, ke, se la lingvoj naciaj apartigas nin de unu la alian Dio donacis al ni la internan ideon de l'Esperantismo, kiu certege unuigas nin por la beno de l'homaro... Vigligi en ni la amon al ĉi tiu ideo esperantisma estas la ĉefa esenco, la ĉefa celo de niaj ĉiamaj kunvenoj kaj laboroj.

**Pola Esperantisto** (Polujo). Sept.-Okt. 1909.

D-ro Mikolajskii konstatas la malsukceson de la reformista movado kaj la rezultatojn de la ĵusa Esp. jaro : « ... La pasinta jaro konvinkis ankaŭ ke la netuŝebleco de Fundamento ne malhelpas la gradan evolucion de Esperanto. En tiu ĉi jaro per praktika vojo estis alprenitaj multaj novaj radikoj, parte sub la influo de l'reforma movado, kiu tiamaniere faris ian servon al Esperanto. Tre multe ni gajnis en tiu ĉi jaro je la organiza vidpunkto kaj tie oni ankaŭ povas diri, ke ne ekzistas malbono, kiu ne rezultigas ian bonaĵon, ĉar impulson al pli severa organiziĝo donis antaŭ ĉio la batalo kun niaj kontraŭuloj kaj ĝi naskis necesecon de pli granda koncentriĝo. U. E. A. preskaŭ fulme ĉirkaŭprenis tre grandan spacon kaj per kunvena labordivido, per malfermo de diversaj vojoj al internacia alproksimiĝo per Esperanto, ĝi donas ĉiam pli grandajn servojn... »

S-ro Grabowski rakontas siajn kongresajn impresojn : « ... Etendiĝante tra la tuta tero, bonege organizita per siaj reprezentantoj, la U. E. A. entenas ĉiujn civilizitajn landojn kaj servas al siaj membroj honeste, zorgeme, amike kaj esperante. Ni do ne miris, ke ia kunveno estis multenombra kaj vivoplena : oni aŭdis volonte kaj atente la raportojn de la estraro, kaj vera surprizo estis por la aŭskultantoj la grandioza parolado de S-ro Ed. Privat, direktoro de l'Esp.-ista Instituto. Tiajn belformajn, altspiritajn, enhavoriĉajn, ni povas diri tiajn inspiritajn paroladojn oni aŭdas neofte. El la kunsido ni ĉiuj disiris plenaj de espero, ke la esperantismo penetrados ĉiam pli profunde en la vivon de l'homaro, plenaj de kredo, ke ĝi malpliigos la homajn suferojn, helpos en la laboroj, sed ankaŭ ni estis freraj kaj kontentaj ke la komencon de tiu-ĉi vova epoko ni jam hodiaŭ povas rigardi ».

Sukcesa Esp. ekspozicio estis farita en Censtoĥova, sed la Pola Esp. kongreso tie projektita estis oficiale malpermesita... En Lvov, Esp. estis enkondukita en du gimnaziojn.

**La Holanda Pioniro** (Holando). Okt. 1909.

La gazeto aperas nun en ĵurnala formato. Novaj grupoj en Rosendaal kaj Hertogenbosch. Fondo de Nederlanda Ligo de Katolikaj Esp-istoj, kiu jam kalkulas pli ol 200 membroj.

**British Esperontist** (Britujo). Nov. 1909.

La Londona Klubo havis la viziton de multaj fremdaj Esp-istoj dum la somero. Novaj kursaj aŭ grupoj en la diversaj partoj de Londono. Kontentigaj novaĵoj pri la agado de la grupoj en Bradford, Brighton, Coventry. Erdington, Harrow. Hebden Bridge, Leeds, Liverpool, Manchester, Nottingham, Portsmouth, Rugby, St-Albans, Southport Stoke, Torquay, Wakefield, Windermere.

La Yorkshire Esp, Federacio kunvenis en Huddersfield; 60 ĉeestantoj el 14 grupoj. Festo antaŭ 200 personoj.

**Le Monde Esperantiste**, Francujo, Okt. 1909.

Sekvo de la kontraŭidistoj polemikoj. S-ro Th. Cart. prez. de la S. F. P. E.

Progresoj de la Internacia Ligo de la Esp-ista preslaboristaro : kurso kaj grupo por preslaboristoj en Reickenberg, Paris, Bukarest. Dankal la helpo de la ligo kvin fremdoj preslaboristoj trovis oficon en Francujo.

En Parizo 90 kursoj de Esperanto.

**Kolombia Stelo**, Kolombio. Sept. 1909.

Nova ĵurnaleto por Kolombio, kie fondiĝis grupoj en Altamira, Bucaramanga, San Cristobal kaj izolaj Esp-istoj.

**Japana Esperantisto**, Japanujo. Sept. 1909.

Daŭras liveri interesajn informojn pri Japanaĵoj; baldaŭ malfermos kurson de japana lingvo per Esperanto por interkonatigi kaj interfratigi la homojn de la Okcidento kun tiuj de la Oriento ».

**Oficiala Gazeto.** Okt. 1909.

Aperis la plena oficiala raporto pri la Kongreso, agadaj kunvenoj de L. K. kaj Akademio.

**Espero Katolika.** Sept-Okt. 1909.

Ĝojas pri la sukcesoj de la katolikaj kunvenoj en Barcelono, kiuj decidis, ke okazos dum pasko 1910 en Parizo la unua *kongreso* de katolikaj Esp-istoj. « Nia kvartaga kongreso memorigas al ĉiuj la plej dolĉajn momentojn de niaj universalaj kongresoj : Nenio estos forgesita, nek festoj, nek interesaj vizitoj ĉe la plej dolĉajn momentojn de niaj universalaj kongresoj : nek interesaj vizitoj ĉe la plej belaj kaj rimarkindoj monumentoj, ĉu religiaj, ĉu profanaj de la granda ĉefurbo ». Kongreskarto 1 Sm. Sin turni al S-ro Colas, 10, rue Béranger, Paris.

**Voĉo de Kuracistoj.** Nov. 1909.

Ĉiam multaj referatoj el ĉiulandoj korespondantoj. La abonantaro de tiu speciala gazeto atingas nun 1.000. La kunveno en Budapest donis bonegajn rezultatojn.

# BIBLIOGRAFIO

*Misteroj de Amo.* Du unuaktaj originale verkitaj dramoj : « Morto kaj Vivo ». « Portreto » kun antaŭa klariĝo pri Esperanto. *Nadina Kolovrat.* (Esp. Kolekto de la Revuo). Pr. 1 fr. 20 ĉe Hachette.

*Frenezo.* Du unuaktaj orig. verkitaj drametoj : « Antaŭaj ventoj » kaj « Novelo », de F. Pujulà-Vallès. (Esp. Kol. de Revuo). Pr. 1 fr. ĉe Hachette.

*La fianĉiniĝo de sovaĝulineto.* Triakta komedieto orig.. verkita de *Roksano*. Eld. de « Tra la Filatelio ». Pr. 0 fr. 60 (0,24 Sm.).

*Nia nuna sintenado pri apendicito*, de Robert T. Morris, M. D. Prof, de Ĥirurgio en Nov-Jorko. Tradukis en Esp. H.-B. Besemer. Speciala ĥirurgia scienca temo de broŝuro meritas atenton de kuracistoj Esp--toj. Eld. de « American Esp. Company. Chicago, 1909.

*The Esperanto Home-Student.* Specially arranged for self-instruction, and for use in Day and Evening Schools. *By James Robbie.* Price One Penny, aĉetebla ĉe « The British Esp. Association » London,

## Petoj kaj Proponoj

**Esperantujo.** — Belega melodio por kanto kaj fortepiano de Barono de Ménil. Prezo po ekz. $ 0.90 afrankite. Germana Esperanto-Librejo, Kœnigstr. 19. *Leipzig*.

**Horloĝisto.** — S[ro] P. Gabory, ĉe S[ro] Descroix, horloĝisto, serĉas oficon ĉu en Anglujo, ĉu en Germanujo. Sin turni al li plej rapide.

**Maŝinmodelisto.** — S[ro] J. Gili (Str. Calderon 94, Sabadell, Hispanujo) serĉas laboron de maŝinmodelisto en kiu ajn lando, precipe en Franc. aŭ Svisujo.

**Fotografajojn** de la Barcelona Kongreso dez. interŝanĝi S[ro] G. D. Lewis (5 Fenwick St. Liverpool, Anglujo). Sendos liston de siaj laŭ peto.

**Juna Esperantiano,** kiu lernas la hispanan lingvon, dez. koresp. kun Esp-ista hispano, kiu eklernas la francan. S[ro] Ferrand, 3, rue Denon, Chalon-s-Saône (Francujo).

**Kolekto.** — S-ro P. Tarnow, bankführer, Kattowitz in Oberschl. (Germanujo), deziras aĉeti la tutan kolekton de *Esperanto*, luksa eldono (1905-1903).

**Korespondo.** — S-ro E. Gabert, 10, rue Claude-Delaroa, Saint-Etienne (Francujo) deziras interŝanĝi Pl., montrantajn interesajn preĝejojn aŭ monaĥejojn; ĉiam respondos per belaj Pl.

**Korespondo.** — S-ro H.-W. Hetzel, Moylan (Penna, Usono), instruisto, deziras korespondi pri lernejaj, geografiaj aŭ politikaj aferoj.

**Ofico.** — S-ro Endre Racsek, Széchényi u. 8 *Vacz* (Hungarujo) 21 jara oficisto, serĉas oficon en ia ajn oficejo, ankaŭ ekster Eŭropo. Parolas esperante kaj hungare, iom germane kaj rumane.

**Financoj.** — Personoj dezirantaj deponi siajn kapitalojn kun plena garantio en Rusujo por 8 % jare, volu sin turni laŭ adreso : S-ro Vladimir Krajev, Tchernajevkaja, 14, *Tachkent* Sir Dariinskoj oblasti, Rusujo.

**Cosmopolitan Correspondence Klub.** — Granda internacia Klubo pri korespondado, kolektado k. t. p. — 7,000 membroj en la tuta mondo, belega ilustrata revuo en 4 lingvoj kun esperanta fako. Pri informoj aŭ aliĝiloj skribu al Cas. Post. 601. *Genova*, Italia.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Geneva Lago ; belega vidajo ; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : F[ino] A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

**Studento.** — Esp. organo de studentoj aperonta en septembro 1909 serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj. Jarabono 1 $ (pagita antaŭ 1 sept. nur 0.75 $). Adreso : *Praha*, 516, K. Kuthan.

**Germana Fraŭlino.** — Scianta Esperanton kaj iomete francan lingvon deziras ricevi oficon en franca familio. Ŝi estas preta utili por instruado de germana lingvo, fortepiano k. t. p. al infanoj. Malgranda salajro postulata. Oni bonvolu skribi al F-ino Anny Taŭbe. Münster i. Taŭnus (Germanujo).

**Pensiono.** — S-ro H. Muffang, 19, rue de Fresnes, Angers (Francujo) povas ricevi en sian familion unu pensionulon aŭ pensionulinon. Liceaj kursoj laŭvole por knabo. Piano, teniso.

**Poŝtkartoj.** — Bezonante por intencata esperanta ekspozicio belajn alilandajn poŝtkartojn, mi promesas nepre respondi per bela poŝtkarto kun Moskva vidajo je ĉiu poŝtkarto sendota al mi nunjare. Red. de « La Ondo de Esperanto ». A. Saĥarof (28, Tverskaja, Moskvo, Rusujo).

**Komercistoj !** — Sendu viajn Esperantajn prospektojn, katalogojn, cirkulerojn, k. t. p. al *Glasgow Esperanto-Society* (S-ro Wallace Tyfe, 27, Thornwood Drive, Partick; Glasgow, Skotlando), kiu uzos ilin por grava Esperanto-ekspozicio.

**Studo per ludo.** — La Godesberga Esperanto-Asocio eldonis novan kvartetludon « Studo per ludo » ; bonega instruilo de Esperanto-konversacio. La ludo, konsistas el 100 frazetojn de la ĉiutaga vivo. Ĉiuj instruantoj kaj lernantoj mendu provan ekzempl. de « Studo per ludo », po 0.50 $ (10 ludoj : 3.50 $), el sekretario de « Godea », 4, Viktoriastrasse, Godesberga Rh. (Germanujo).

**Surdmutuloj.** — Ĉiuj surdmutuloj aŭ surdulaj instruistoj skribu al ni pri fondo de internacia ligo. La celo estas rondirigi manskribitajn gazetojn por interŝanĝo de ideoj pri niaj aferoj kaj stato. Certan respondon ricevos ĉiuj interesatoj. J.-A. Burrows, Home Farm R[d], Drumcondrin, *Dublin* (Irlando) ; L.-A. Mœtler c/o S-ro Newton, 34, Claremont R[d], Alexandra park. *Manchester* (Anglujo),

## GRAVA AVIZO

### por KOMERCAJ KONSULOJ

Reprezentantoj estas serĉataj en ĉiuj landoj por *skribmaŝinoj, kudromaŝinoj, bicikletoj, fotografaj aparatoj, krajonakrigiloj.*

Petu informojn de : *Bigalke & Mohwinkel, Bromberg* (Germanujo).

## Komercaj reklamoj

### TRA LA FILATELIO

Internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtmarkoj & poŝtkartoj. Jare : En Francujo 2 fr. 10, 0.80 $. En ceteraj landoj 2 fr. 50, 1 $, ĉe S-ro Fize, au Pastissou, Béziers (Francujo).

**Koviloj** sekigantaj « Perfekta » je varma aero kaj aŭtomata reguligilo ; maksimuma produktado, lastaj perfektigoj ; Katalogo ricevebla de J. Pascarel. Tours (Francujo).

**Riprezentado.** — Londona Agento, hav. oficejon, dez. riprez. alilandan firmon (ne alkohol.) Bonaj referencoj. — « The Ronda Agency », 87, Finsbury Pavement, London E. C.

**Ekspeda firmo.** — Firmo Krook & Person, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**Silkaj esperantaĵoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., rue de la Loire, 41, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando,* kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 0 fr. 30 (0.12 $) poŝtm. aŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustritan prezaron.

**Muziko.** — S[ro] A. Besnard, muzikeldonisto, 26, rue Antoinette, Paris, liveras ĉiujn ajn muzikaĵojn, el ĉiuj landoj, laŭ plej profitaj prezoj.

**Antaŭ ol** akiri domojn, dometojn, kampardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Italujo, skribu al samideano *Luigi Scarselli*, via dell' Agnolo 48, Firenze (Italujo). Li akceptas ankaŭ *riprezentadon* de ĉiaj komercaĵoj.

**Komercaĵoj.** — S[ro] A. Rowlands (Box 183, Invercargill, New-Zeland) deziras koresp. pri komercaĵoj revendeblaj en la Anglaj Kolonioj kaj pri la produktaĵoj de Nov-Zelando.

**Donaco** tre rekomendinda al Esperantaj geamikoj : murpladoj surskribitajn per Esperantaj devizoj. Forsendas afrank. 3 po 3 75 $ S. F. V. Dam, 38 v. Galenstrasse *Haag* (Holando), konto ĉekbanko Esperanto.

## Parolo pri Higieno

En nia lasta artikolo pri la veraj grajnoj de Saneco de D[ro] Frank, pro preseraro ni diris, ke unu skatolo kun 405 grajnoj kostas 3 fr. Oni devas legi *105* grajnoj.

Por provo skribi al T. Leroy, 96, rue d'Amsterdam, Paris (Franc.).

## POŜTKARTOJ

de la

### Kongreso Barcelona

*KOLEKTO 14 KARTOJ*

(11 kartoj de Barcelona, 2 de la Postkongreso en Valencia, 1 de la Hispana reĝo).

**$ 0.55** *afrankite*

Eldonejo « Esperanto » Germanujo : *Leipzig*, Langestrasse, 27.

Solaj serioj riceveblaj :

Por *Francoj*, Esperantista Centra Oficejo, Paris, 51, rue de Clichy, Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède.

Por *Holandoj*, Holanda Esperanta Librovendejo, Amsterdam, Radhuisstr., 43.

Por *Rusoj*, Librejo Esperanto, Moskvo, Iverskaja, 28.

## LINGVO INTERNACIA

**Centra organo de la Esperantistoj**

Eliranta la 15 kaj 20 de ĉiu monato

*Abono por unu aro, kun* LITERATURA ALMANAKO 3 Sm.

La *Literatura Almanako* enhavas, krom la historio de Esperanto dum 1908, portretojn de l'Akademianoj kun biografiaj notoj kaj neeldonitaj paĝoj de ili. Ekskluzive rezervita por la abonantoj.

## JUNA ESPERANTISTO

**Monata gazeto por junuloj, instruistoj Esperanto-lernantoj.**

Kvar konkursoj jare. Senpagaj enpresoj de petoj por korespondado.

*Jara abono : 1 $*

Administracio : Presa Societo, 33, rue Lacépède Paris

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (60 n[oj]), afrankite 2.50 $.

Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

*La Administranto (Gérant) : DUVAL*

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)




### La plej bona Krajonakrigilo de l'mondo estas

## "JUPITER"



Ŝparas monon laboron kaj ĉagrenon Ne plu malpuraj manoj

Manuzebla neeluzebla laboras fideble kaj rapide Ĉie patentita

Solaj Fabrikantoj : *GUHL & HARBECK* (Espera tia Entrepreno)

**HMBURG 35. s**

## ĈASOPIS ĈESKÝCH ESPERANTISTŮ

Kun literatura aldono « *Legolibro de Bohemaj Esperantistoj* » oficiala monata organo de bohemaj Esperantistoj kaj de centra asocio.

**Bohema Unio Esperantista** *(B. U. E.)*, kiu unuigas tiutempe *43 societojn*. Ĉiu numero de tiu ĉi revuo enhavas po 20 paĝoj da plej bona teksto : artikoloj originalaj kaj tradukitaj, parto oficiala, esperanta movado en fremdlando kaj inter Bohemoj, bibliografio, adresaro de korespondantoj, k. t. p.

Jara abonpago : 3 kronoj ($ 1.50) Red. kaj Adm. : Praha II, 2023, *Ed. Kühnl.*

(Rabato por Societoj).

## Grandaj Vinoj el Burgonjo

## MOREAU-VOILLOT

BEAUNE (Côte-d'Or-Francujo)

Firmo fondita en 1876, daŭrigita de patro al filo

**Honorindaj makleristoj estus akceptataj**

**Oni petu la prezaron esperantan**

**Granda Marko "Ville de Paris"**

## INKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

**Jules MIETTE**

102, Rue Amelot, PARIS-XI

**Liverantoj de Mustardo kaj Amelo al la Reĝo**

Laŭ privilegio

## J. & J. COLMAN

(Akcia Societo)

MANUFAKTURISTOJ DE

**MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO**

KAJ

**BRITA RIZFARUNO**

*108, CANNON STREET, LONDON*

*kaj CARROWWORKS, NORWICH* (Anglolando)

Tre rekomendinda donaco al Kristnaska festo estas la mondfama

## KŒNIGSBERGA MARCIPANO

**SPECIALAĴO**

en pecegoj, tekonfektaĵo kaj marcipanaj terpomoj. Prezo funte 1 $.

Por 10 $ ni forsendas en- kaj eksterlanden afrankite kaj sendigane la tre plaĉantajn kestojn enhavantajn diversajn marcipanaĵojn.

**PAUL BECKER, KŒNIGSBERG (Prusujo)**

Marcipanfabriko premiita per ora medalo en la Pariza ekspozicio 1908.

**Oni korespondas esperante**

## Por la Higieno de l'tualeto

(lavaĵoj, higieno de l'buŝo, la haŭto, lavado de suĉinfanoj, intima higieno)

**Oni nepre rekomendas**

## COALTAR SAPONINE LEBEUF

BAYONNE (Francujo)

Kiun ĝiaj antisepcaj, deterŝivaj kaj cikatrigaj propraĵoj akceptigis ĉe la Parizaj Hospitaloj.

*En la apotekejoj — Atentu la imitaĵojn*

## Germana Esperanto-Librejo

Kœnigstrasse 19 **LEIPZIG** Kœnigstrasse 19

**LIVERAS**

*ĉiujn Esperantaĵojn, la plej belajn, vere arĝentajn Esperantistajn signojn* KUN LA ENSKRIBO "*ESPERANTO*"

kiel pinglo, broĉo kaj butono, po $ 0.30
kiel manumbutonoj, po $ 0.75

*la multe ŝatatan kaj utilegan*

**Inkosorbilon ESPERANTO sen sorba papero**

po unu . . . . . . . . . . $ 0.65
sendkostoj (eksterlande) . . . $ 0.25

**Sigelmarkojn al tefaritajn**

po 50 ekz. . . . . . . . . . $ 0.25
po 100 ekz . . . . . . . . . $ 0.35

Afrankite

**HAVIGAS**

ĉiujn librojn, jurnalojn, muzikaĵojn k.t.p. Esperantistajn kaj diversnaciajn

**PERAS**

anoncojn ĉiaspecajn por ĉiuj germanaj gazetoj k. t. p. (tradukoj senpage)

**ESTAS LA DEBITEJO DE " ESPERANTO "**

(Oficiala Organo de U. E. A.)

**Por Germanlando**

**POSTULU PREZARON**



Pro siaj malgrandaj dimensioj, pro sia nedifektebla fortikeco, pro sia preciza funkciado.

## La Hüttig'a « Ideal » - Kamero

estas la plej bona kamero por universala fotografa laborado. Platoj kaj ebenfilmoj interŝanĝe estas aplikeblaj. La optika provizaĵo estas je diversaj lumfortoj ĉiam bonega.

Ni senpage sendas la plej novan katalogon n° 505 en Esperanto en la tutan mondon.

**Hüttig Akt.-Ges., Dresden, 21** (Germanujo).

Plej granda kaj plej malnova kamerfabrikejo de la Eŭropa kontinento.

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **Heilanstalt-Kuracejo** por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : **Dr. BREIGER**

## " NOVAĴO "

*Grava afero por ĉiulanda militistaro !*

## PATENTSPRONO KUN FLEKSEBLA KOLO

Nenia falado malsuprenirante la ŝtuparojn.
Nenia disŝirado de la botoj kaj de la pantalonoj.
Post ĉiu premo la spronkolo revenas en sian iaman originan situacion.
La eltrovaĵo estas patentigita ĉe ĉiuj kulturŝtatoj.
Eksterlandaj patentoj estas vendeblaj.

Reprezentantoj ĉiulande dezirataj.
Ilustr. prezaroj ĉien per la forsendejoj :
Adolf. Muth, Nürnberg, Lichtenhofstr. — Germanujo.
Ludwig Dollatscheck, München, Galeriestr. — Germanujo.
Hans Kriebel, Dresden, Gneisenaustr. — Germanujo.

PRESEJAJ LITEROJ MAYEUR — **PARIS**

## ALLAINGUILLAUME, J. SALING & C[ie]

GRAVUR-FONDISTOJ — POSTEULOJ

**21, RUE DU MONTPARNASSE**

ĈIUSPECAJ LITEROJ KAJ VINIETOJ

Specialaĵo de SUPERLITERAJ SIGNOJ

Liverantoj de ĉiuj Esperantaj literoj kaj supersignoj uzataj ĉe la presejo de U. E. A. por la kompostado de ESPERANTO kaj ĉiuj Esperantaj presaĵoj.

| ROMANA | TIPOJ DIDOT | ITALIKA |
| --- | --- | --- |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 7 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 8 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 9 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 10 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |

$ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $

EGIPTA KORPO 8 N° 406

ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ ◆ Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

aŭ ESPERANTIO

**Fondita la 28[an] de Aprilo 1908**

CELO : Plifaciligi la rilatojn inter diverslingvanoj kaj krei fortikan ligilon de solidareco inter siaj membroj. Por tio ĝi starigas diversajn internaciajn praktikajn servojn tuj uzeblajn de la personoj, kiuj partoprenas en la vivo internacia (Komerco & industrio, turismo, junuloj, informoj, k. a.)

ORGANIZO : En ĉiu regiono estas *Delegito* aŭ *Subdelegito*, kiuj reprezentas la komitaton, varbas membrojn kaj zorgas pri la funkciado de la servoj de la Asocio. Li laŭbezone estas helpata de diversfakaj *Konsuloj* (turismo, komerco, virinoj, junuloj, maristoj), kiuj havas la devon respondi pri sia fako ĉiujn informpetojn de Esperantianoj aŭ Esperantiaj entreprenoj. La *Komitato* estas balotata de la Delegitoj; la Delegitoj estas balotataj de la membroj, por 2 jaroj.

SERVOJ : Senpaga liverado de informoj pri ĉiuj fakoj. — Helpado al vojaĝantoj. Helpado al junuloj, kiuj vojaĝas eksterlanden aŭ serĉas oficon aŭ deziras ellerni fremdajn lingvojn aŭ viziti alilandan universitaton, k. c. — Starigo de Esperanto-Oficejoj en ĉiu loko. — Reklamo kaj disdonado de reklamiloj. — Perado por reklamo kaj dungado. — Liverado de informoj komercaj kaj enketoj. — Juraj informoj. — Organizo de karavanoj kaj someraj libertempaj kolonioj. — Eldonado de gvidfolioj. — Instigo al eldonado de gvidlibroj. — Ekspozicioj. — Konkursoj. k. t. p., k. t. p.

ALIĜOJ : Ĉiu persono, kiu deziras aliĝi, informu pri tio la Delegiton aŭ Subdelegiton de sia loko (se estas nek Del., nek Subdel., li sin turnu al la sidejo de U. E. A.) kunsendante la jaran kotizaĵon **36 sd.** Interŝanĝe li ricevos membrokarton, kiu donos al li la rajton uzi ĉiujn servojn de U. E. A. — La grupoj, societoj, komercaj, firmoj, gazetoj, kontoroj, korporacioj, k. a., povas aliĝi kiel *Esperantiaj entreprenoj* (Kotizaĵo : **2 sm.**) kaj interŝanĝe rajtas uzi la specialajn servojn de U. E. A. starigitajn por ili. La grupoj, societoj, organizaĵoj, k. a., kies ĉiuj membroj estas samtempe membroj de U. E. A., estas *Esperantiaj Asocioj* kaj senpage ĝuas la rajtojn de la Esperantiaj Entreprenoj.

NUNA STATO : Je la 1[a] de oktobro, U. E. A. kalkulis 85 Delegitojn, 122 Vicdelegitojn, 668 Subdelegitojn, 465 Konsulojn, 154 Esperanto-Oficejojn, en 700 lokoj kaj 44 landoj; ĝi havis 4500 membrojn, 80 Esperantiajn Entreprenojn kaj 10 Esperantiajn Asociojn.

### KOMITATO DE U. E. A.

D[ro] L. L. ZAMENHOF, *Honora Prezidanto.* — H. BOLINGBROKE MUDIE, *Prezidanto, London.* — H. HODLER, Vicprezidanto *(Administrado,* Genève). — TH. ROUSSEAU *(Financoj)*, Dijon. — A. CARLES *(Konsuloj)*, Béziers. — P. BLAISE *(Esperanto-Oficejoj*, London. — J. SCHMID *(Turismo)*, Bern. — D[ro] M. KANDT *(Komerco & Industrio)*, Bromberg. — F. ROCKMANN *(Junuloj)*, Magdeburg.

La Centra Oficejo : **10, rue de la Bourse, Genève** (Svisujo).

## Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Suisse)*

Vendas ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. kaj ĉiujn Esperantaĵojn (propagandiloj, lernolibroj, literaturajn kaj sciencajn, verkojn, k. t. p.).

**Oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. :**
rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Deligitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,25 Sm. ; 10 ekz. 2 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 20 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,70 Sm.

*Oficialaj kovertoj.* Prezo, 100 ekz : 0,40 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj.* Prezo, 100 ekz. : 0,70 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Oni povas mendi la gvidfoliojn aparte.

*Universala Esperanto-Asocio,* ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm. ; 50 ekz. : 1,50 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

PROPAGANDAJ BROŜUROJ EN NACIAJ LINGVOJ :

*Universala Esperanto-Asocio.* Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana, rusa* kaj *itala.* Eldonoj angla, kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda.*

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm ; 50 ekz. : 0,80 Sm ; 100 ekz. : 1,50 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Esperantio, Universala Esperantia Librejo,** 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo), Tamen, nacilingvaj propagandaj broŝuroj estas ankaŭ riceveblaj jenaj el la adresoj :

D[ro] M. KANDT, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germana).
P. LINARES, Santo-Basilio, *Cordoba* (Hispana).
A. TELLINI, 12, Casella Postale, *Bologna* (Itala).
S. SZABUNIEWICZ, Mjasnickaja, d. Zimin, *Moskva* (Rusa).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj & Subdelegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.